# junamiko

34a jaro, n-ro 1/2007 (118)

APRILO 2007

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



Interkultura Centro Herzberg kun SALO-1-anoj

Por gajni premiajn tagojn en SALO-2 vidu p. 28 !

1947年1月28日第三種郵便物承認・2007年1月1日発行・第75巻1号（毎月1回1日発行）ISSN 0035-4406

88A JARO
2007
januaro
1
n-ro 1028

# エスペラント
# La Revuo Orienta

特集： 2007年世界大会の国，日本
Japanio, la lando de la Universala Kongreso de Esperanto en 2007



ESPERANTO-ORGANO DE
JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO




Jen la titolpaĝo de La Revuo Orienta,
kies 1a numero aperis en 1920.
Redaktoro: HORI Yasuo (nia japana kunlaboranto)
La 92a Universala Kongreso de Esperanto
en 2007 okazos en Jokohamo (vidu p.38/117)

# Ĉu vi ŝatas fabelojn?

## Ĉu vi aĝas malpli ol 14 jarojn?

*Se viaj respondoj estas jesaj, ne preterpasu la okazon!*
***Partoprenu en la Tut-monda Esperanta Fabel-konkurso!***

Kultura-literatura centro en Taivalkoski, Norda Finnlando, portas la nomon de *Kalle Päätalo* (1919-2000) eminenta finna verkisto naskiĝinta en Taivalkoski. En la jaro 1993 li iniciatis tut-landan fabelkonkurson por finnaj infanoj, kiu estas nuntempe la plej prestiĝa konkurso en Finnlando.

En la jaro 2000 la instituto aldonis al la konkurso Esperanton. En ĉi tiu jaro ĝi okazos, do, jam la okan fojon.

### Kategorioj:

**A)** por infanoj **ĝis 8**-jaraj, **B) 9-10**-jaraj kaj **C) 11-13**-jaraj.

*Rimarko. La konkursaĵoj devas esti verkitaj originale en Esperanto de individuoj aŭ grupoj (ekz. de lernejaj klasoj). Individuaj kaj grupaj konkursaĵoj estos taksataj aparte.*

La ĵurio aprezas precipe fabelecon kaj originalecon. La verko estu mallonga (1-5 folioj), ligita al la infana mondo, karakterizita de sorĉeco, mistero kaj supernaturaj okazaĵoj, kiuj kreas etoson fascinan al infanoj. Rakonto kun temo el la reala mondo, eĉ se lerte verkita, ne estas konsiderata kiel fabelo.

Sendu la konkursaĵon poŝte **ĝis la 15a de septembro 2007** al la adreso:
**Päätalo-Instituto, Fabelkonkurso,**
**PL 39, FI-93401 Taivalkoski,**
**Finnlando**

Uzu kaŝ-nomon kaj menciu, ĉu temas pri grupo aŭ unuopulo. La nomo, adreso, naskiĝ-dato kaj (se eblas) telefonnumero aŭ ret-adreso de la konkursanto troviĝu **en aparta fermita koverto**.

Pli da informoj donas la komisiito pri la konkurso:

S-ino **Aini Vääräniemi**, Vääräjärventie 26 A, FI-93590 Vanhala, Finnlando.
Ŝia retadreso: *aini.esp@pp.inet.fi*

(Fabeloj, premiitaj en antaŭaj jaroj, estas legeblaj en:
http://www.taivalkoski.fi/paatalo-instituutti/esperanto.htm)

La rezultojn oni publikigos sam-tempe kun tiuj de la finna konkurso, la **18an de oktobro**, kiam finnoj festas la tagon de Satu (finna vorto por fabelo). En ĉiu kategorio estas principe tri premioj. Unu el la gajnintoj de la unua premio ricevos ankaŭ la ĉef-premion ***Fabelo Internacia***.

*fascini:* fortege kapti ies animon / *originala:* ne tradukita / *prestiĝa:* elstara kaj fama, vaste konata.

# ENHAVO



**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: *www.junaamiko.inf.hu* aŭ en *www.eo.lernu.net* .**

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva reviziantο**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario). Presita en **Presejo Saluton** (Gárdi Jenő u.14, HU-1047 Budapest, Hungario). **Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre) kaj *Anna Besenyei* (Hungario), retadreso: *esperanna@gmail.com*

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en septembro.**

## *Saluton, karaj geknaboj!*
## *Venu ankaŭ vi kaj helpu al ni!*
## *Ni faru unu grandan rondon familian!*

En la nuna jaro Juna Amiko larĝigos la rubrikon „InterKulturo" por servi aldone al la projekto „Lingvo-lanĉilo", kiun ni prezentas plurloke en tiu ĉi numero. Tiu ĉi artikolo deziras nun inviti geknabojn, kiuj lernas nian lingvon en lernejoj de diversaj landoj de ĉiuj kvin kontinentoj. Nia celo estas: **reciproke konatiĝi, interamikiĝi**. Ni ne deziras doni pretan regularon (ĉu ni bezonas ĝin?), sed atendas viajn proponojn kiel utiligi la posedon de nia internacia lingvo.

Por ilustri, pri kio ni pensas, jen estas kelkaj demandoj, kiujn vi devus mallonge respondi.

1. ***Kion oni diras ĉe vi, kiam oni renkontiĝas*** *(infano kun infano / infano kun konata plenaĝul(in)o / infano kun nekonata sinjor(in)-o) ?* ***Skribu la salutojn en via nacia lingvo, kaj poste provu traduki ilin en Esperanton.*** *(Vi povas peti la helpon de via instruisto.)*
2. ***Kiu sport-ludo estas la plej populara en via lando / en via amika rondo ?***
3. ***Krom vian gepatran, kiu(j)n lingvo(j)n vi lernis/-as ?***
4. ***Pri kio vi ŝatas okupiĝi en libera tempo ?***
5. ***Kiom da elcentoj (%) de via klaso posedas propran poŝ-telefonon ?***

La respondojn sendu ret- aŭ paper-poŝte al *Geza Kurucz, Hitel u.10, HU-6000 Kecskemét, Hungario / geza@banyai-kkt.sulinet.hu* , kaj ankaŭ vi faru 1 aŭ 2 demandojn pri tio, kio vin interesas.
Ne forgesu aldoni vian nomon kaj adreson.
La respondoj kaj demandoj aperos en nia revuo kaj retpaĝaro.
Ni premios la plej aktivajn geknabojn.

***Venu kaj ni kune faru firman kontakton!***



*kontinento:* mondo-parto / *lanĉi:* ekirigi, funkciigi / *rubriko:* aparta paĝo por iu temo /




# Kiuj literoj mankas?

## Trovu ilin!

**A) *Facilaj taskoj***

1. k_j
2. _ed
3. a_to[1]_ [2]_bilo
4. ku[11]_ [3]_uro
5. Eŭ_ [4]_p_ Un_o
6. ĉ_mb[5]_is_ [7]_no
7. le[8]_i_n_
8. _un_ Am[9]_ [10]_o
9. kna[6]_in_t_
10. ins_ru_ _ti_ [12]_

**A**: _ _ _ _ _ _ _ _ _ _ _ _ _

**B) *Malpli facilaj***

1. ŝ_ _or_
2. k_l[1]_a_o
3. s_m[2]_ _umi
4. _es_ _r_
5. pa[3]_k_jo
6. be_tĝ[4]_ _d_no
7. [5]_eĝ_a_do
8. b[6]_v_d_
9. _in_ero
10. t_le_on_

**B**: _ _ _ _ _ _ _

**C) *Malfacilaj***

1. k_m[4]_ak_di_ko
2. imp_ _t_ [3]_en_a
3. k_ _nbu[5]_ko
4. _unf_ [2]_po
5. k_a_a[7]_o
6. t_b_o_u_o
7. _er[1]_an_ _
8. m_ _af[8]_ro
9. P_l_ R[6]_d_ _
10. _er_om_

**C**: _ _ _ _ _ _ _ _ _

**Gratulegon, se vi trovis via(j)n vorto(j)n. Brave!!!**




de ***Elizabeta Rajtmár***

"Paĉjo, kio estas la diferenco inter akcidento kaj tragedio?"

"Nu, atentu, mi klarigos al vi. Jen, se iu iras al sia geedziĝa ceremonio kaj dumvoje rompas al si la piedon, tio estas akcidento; kaj se ne, tio estas tragedio."



*"Pardonu, ne koleru", diras turisto en la strato, turninte sin al preteriranto. "Mi serĉas la staci-domon." "Mi ne koleras, serĉu plu trankvile."*

# ANEKDOTOJ de *Saliko, Finnlando*

Renkontiĝis du amikoj.
"Ĉe ni, en Toulouse, ofte estas tia varmego", rakontas Jean, "ke ni devas trinki ĉiun horon, alie tute sekiĝus nia korpo".
"Tio estas nenio", respondas Mario. "Ĉe ni, en Marseille, ofte estas tia varmego, ke ni devas doni glaciaĵon al la kokinoj, alie ili demetus kuiritajn ovojn".



* * *




Eminenta franca matematikisto Painlevé estis tre distrita. Iun tagon, atendante la viziton de amiko, li subite ekmemoris ion, pro kio li devis elhejmiĝi. Antaŭ ol foriri li metis sur sian pordon slipeton:
*„Painlevé revenos post kvaronhoro."*
Kaj kiam li revenis, li atenteme legis la sciigon, sidiĝis sur la ŝtuparo kaj – ekatendis.

* * *

Iu viro fanfaronis pri siaj praparencoj. Iu el la aŭskultantoj pikeme demandis:
„Ĉu vi asertas, ke iu el viaj prapatroj kunestis kun Noa en la arkeo?"
„Ne. Li havis propran ŝipon!"




*arkeo:* la ŝipo konstruita de Noa / *aserti:* firme diri, ke io estas vera / *fanfaroni:* sin laŭdi senmerite / *Noa:* Biblia ĉefpersono de la superakvego / *slipo:* malgranda paper-peco por noti sur ĝi mesaĝon, informojn kaj similajn.

*Zora Heide*

# Kurso por komencantoj

**Instruistino:** Hodiaŭ ni lernas la akuzativon. Per simpla ekzemplo mi montros al vi ĝian uzadon. *(Ŝi montras al junulo, kiu sidas ĉe la dekstra flanko de Maria.)* Karlo amas vin.

**Maria** *(ofendite):* Mi ne amas lin.

**Petro** *(kiu sidas ĉe ŝia maldekstra flanko):* Estas mi, kiu amas ŝin. Karlo ne rajtas ami ŝin.

**Karlo:** Hieraŭ ŝi diris al mi, ke ŝi amas min.

**Maria:** Mi ne memoras, kion mi diris hieraŭ, sed hodiaŭ mi amas Petron.

**Karlo** *(kolere):* Mi mortigos Petron.

**Petro** *(kuraĝe):* Mi ne timas vin.

**Maria** *(ploras):* Mi amas Petron kaj malamas Karlo.

**Instruistino:** Sed gejunuloj, kio okazas ĉi tie? Mi donis nur ekzemplon. Maria, estas via privata afero, ĉu vi amas Petron aŭ Karlon, sed almenaŭ korekte uzu la akuzativon. Jen nova frazo *(al Maria):* Karlo kisis vin.

**Maria** *(kolere):* Mi ne amas lin, kaj li ne rajtas kisi min.

**Karlo:** Mi kisos ŝin. *(Li ekstaras kaj iras al ŝi.)*

**Petro** *(ankaŭ ekstaras kaj baras la vojon al Karlo):* Ŝi amas min kaj mi rajtas kisi ŝin. *(Li alproksimiĝas kaj deziras ŝin kisi, sed Karlo haltigas lian intencon. Ili komencas interbatali. Petro venkas kaj kisas la junulinon.)*

**Instruistino** *(krias):* Vi ne rajtas kisi ŝin dum la kurso! Nova demando: Kiu volas kisi min?

*(Surpriza silento. Petro kaj Karlo reiras al siaj lokoj.)*

*SOLVOJ de REBUSOJ (n-ro 3/2006, paĝo 12)*

**1)** koloro, **2)** triono, **3)** komodo, **4)** surdulo, **5)** tramo, **6)** sendube, **7)** tritiko, **8)** haŭto, **9)** duboj, **10)** enui, **11)** subite, **12)** bonulo

# LEGENDO PRI LA ABIO

Iam, post la alveno de aŭtuno, la birdoj forflugis al varmaj landoj. Nur iu malgranda birdo ne povis kunflugi, ĉar ĝi havis rompitan flugilon. Ĝi ploris. Kun malĝoja koro la kompatinda birdeto iris en arbaron por peti la helpon de la arboj. Mild-voĉe ĝi petis ilin: Rigardu min, mi havas rompitan flugilon, permesu al mi vivi inter viaj branĉoj ĝis la printempo.



– Mi ne povas akcepti vin, birdeto –, respondis la fago. – Estas sufiĉe por mi zorgi pri mia branĉaro. Iru de ĉi tie, iru al la kverko!



– Nek mi povas! – diris malice la kverko. – Mi timas, ke vi manĝos miajn glanojn. Flugu, birdeto, al alia loko! Se ne, mi rompos al vi ankaŭ la alian flugilon.

Tiel ĉiuj arboj forpelis la kompatindan birdeton, kiu jam perdis la esperon, kiam ĝi aŭdis voĉon:

– Kien vi iras, malgranda birdeto? – demandis la abio.



– Mi ne scias, kien iri, kara abio. Ĉiuj arboj forpelis min, neniu volas min akcepti. Jen doloras min la flugilo kaj mi ne povas forflugi. Ho, Dio! Kia doloro!

– Venu al mi! – diris la abio kun kompato.

– Vi povos resti inter miaj branĉoj, ĝis kiam vi deziros.

Tiam la birdeto faris por si kuŝejon inter la branĉoj de la abio. Sed en iu nokto malvarme ekventegis. Tio estis antaŭsigno, ke alproksimiĝas vintro. La folioj de la arboj flaviĝis kaj faladis teren.

– Ĉu forskui ankaŭ la foliojn de la abio? – demandis Vintro al la reĝo de la ventoj.

– Ne –, decidis li. – La abion evitu! Ĝi estis bon-kora al la birdeto. Pro tio ankaŭ ni devas ĝin protekti.

Oni diras, ke de tiam la bonkora abio perdas siajn verdajn foliojn nek en vintro, nek en somero.

*Eugenia-Ecaterina Popoviciu,* Rumanio

*abio:* ĉiam-verda arbo-speco / *fago:* arbospeco / *glano:* frukto (vidu la apudan bildon) de kverko / *kverko:* arbospeco / *legendo:* rakonto pri malnova okazaĵo / *malica:* konscie malbon-farema.

# Kiu estas la ŝtelisto?

Dum senluna nokto la butiko de s-ro Monero estis priŝtelita, sed tuj poste la juveloj troviĝis. Jen la tri suspektitoj:
**Aboco, Bocoa kaj Coabo.**



## *En la tago de la juĝado la ŝtel-akuzitoj deklaris:*

**Aboco**: Mi ne ŝtelis la juvelojn!

**Bocoa**: Coabo ne priŝtelis la butikon.

**Coabo**: Jes, la ŝtelisto estas mi!

Post kelka tempo oni sciis, ke du el ili mensogis. ***Kiu do estis la ŝtelisto?***

*E-versio de Evandro de Freitas, Brazilo*

(Se vi ne povas veni al la solvo, rigardu ĝin sur paĝo

*akuzi:* firme deklari iun kulpa / *butiko:* vendejeto / *juvelo:* alt-valora ornamaĵo / *suspekti:* sen pruvo konsideri iun kulpa / *versio:* io, prezentita alie.

*aserti:* firme esprimi sian opinion / *demono:* malbon-fara diaĵo / *dinosaŭro:* prabestego (vidu la bildon) / *giganta:* grandega / *grimaci:* fari misvizaĝon / *hipotezo:* nepruvita supozo / *iluzio:* eraro de senso(j) / *infero:* malo de ĉiellando / *monstro:* timiga estaĵo / *plonĝi:* salti en akvon / *spuro:* postsigno / *totemo:* sankte respektata besto, protektanto de iu hom-grupo / *treti:* pied-premi.
*medio:* parto de la naturo ĉirkaŭa / *staĝo:* studo-tempo por kursaro / *strando:* mar- aŭ river-bordo por sun- aŭ akvo-bano.

# Ĉu ekzistas dinosaŭro en Kongolando?

Norde de Kongo-Brazavilo, apud la urbeto Epena troviĝas la lago Tele, kiu eble kaŝas dinosaŭron en sia malluma profundo. Ĉio komenciĝis en la jaroj 1985-86 kiam, dank' al siaj satelitoj superflugantaj la ter-globon, usonanoj rimarkis, ke tre dika objekto moviĝas strange en la norda regiono Likuala de Kongolando. Kio povas esti la giganta bulo rimarkita el la spaco?

Oni parolis multe pri tio, kaj eĉ amas-komunikiloj ne restis mutaj. La konganoj de Brazavilo divers-maniere komentis la dinosaŭron. Ĝia nomo estas konata jam delonge: Mokelebembo! La loka loĝantaro insistas pri ĝia ekzisto. Ĝi estas nek legendo,

nek mito, asertas likualanoj. Laŭ ili dinosaŭro kuŝas sur la fundo de la lago. Multaj konganoj pensis kaj daŭre opinias, ke temas pri mistika afero, pri manifestiĝo de timinda totemo.



Mistera Afriko! Kiel solvi la enigmon?

Pri la subitaj aperoj kaj malaperoj de la monstro en Loch Ness en Skotlando, iuj scienculoj hipotezis, ke ĝi estas eble tre olda arbo-trunko englutita de la lagaj akvoj, kiu fojfoje reaperas sub la premado de akvaj fluoj. Tiuj malmultaj personoj, kiuj observis la teruregan trunkon grimacantan malbele kiel demono rekte elirinta el la infero, parolis efektive pri terura monstro. Male, nenio tiu-senca pri la Tele-laga dinosaŭro, Mokelebembo.

Tamen, pluraj personoj atestis la verecon de la afero. Dum prelego unu el ili deklaris, ke li vidis la faman dinosaŭron, Mokelebembon, kiam li estis ankoraŭ knabo kaj akompanis sian patrinon. Irante senbrue laŭ Tele-lago kaj rigardante la akvan vastecon, ili ambaŭ vidis viandan monteton, t.e. la korpon de Mokelebembo, ne unu-foje, sed plur-foje. La sama sceno estis videbla de ili kaj la vilaĝanoj de la ĉirkaŭaĵo de la mistera lago. Nur la monteto ŝanĝis sian lokon en la akvo.

Tiu nekutima afero pri ne prahistoria, sed moderna dinosaŭro surprizis la mondon. Scienculoj decidis klarigi ĝin. Alveninte el Usono kaj Eŭropo ili iris al la loko kun aparatoj por observi la lagon kaj ties proksiman ĉirkaŭaĵon. Ili fotadis la lokon sensukcese. Ili ne vidis Mokelebembon, sed rimarkis strangan spuron sur la bordo de la lago: herbojn tretitajn, grundon enŝovitan, ktp. Ili trovis nenion alian.

Kial ili ne plonĝis en la lagon por renkonti la lastan dinosaŭron?

Mokelebembo, diru al ni, kio vi estas? Ĉu monstro aŭ iluzio?

*Madzella Jean-Louis, Togolando*




# 63a IJK*

## en Hanojo, Vjetnamio

**27a de julio — 3a de aŭgusto 2007**

Temo: **Paco, kunlaboro kaj disvolviĝo**

Kongresejo: En la Pedagogia Universitato de Fremdaj Lingvoj (de la flug-haveno de Hanojo 30 minutoj per rekta aŭtobuso).

Pluajn detalojn serĉu ĉe: *http://aktivulo.com/ijk/*

* Internacia Junulara Kongreso

NIA LIBERECO – *beni:* alte, die favori / *moŝto:* honora alparolo de alt-rangulo / *surprizi:* trafi neatendite.

BONHUMORA MALJUNULINO – *antikva:* pratempa / *brodi:* ornam-kudri per koloraj fadenoj / *ekspozicio:* publika elmontrado de objektoj / *fantazio:* krea imagi-povo / *halo:* vastega ĉambrego / *inteligenta:* saĝa, vigle pensanta / *rara:* alt-valora pro sia malofteco.

# Bon-humora Maljunulino

*(El „**Faktoj kaj fantazioj**" de Marjorie Boulton, p. 85)*

En la urbo, kultura organizo volis aranĝi ekspozicion pri diversaj objektoj de la deknaŭa jarcento. La aranĝantoj do anoncis, ke je certa tago iu ajn kiu havas valoran, interesan objekton, kiu datiĝas de tiu jarcento, rajtos montri ĝin, kun klariga karto, en halo en la ekspozici-ejo. Premion ricevos tiu, kies objekto estas la plej interesa.

Multaj alportis arĝentaĵojn, flor-vazojn, brod-itajn tukojn, interesajn malgrandajn meblojn, malnovajn ĵurnalojn, rarajn librojn, dokumen-tojn, antikvajn ilojn; sed la premion, unuanime, la aranĝantoj aljuĝis al tiu ĉarma sinjorino arĝent-hara, kies inteligentan vizaĝon liniis multaj sulketoj, kaj sur kies brusto troviĝis karto kun nur unu klariga vorto: MI.



***Kial ni konsideras nin liberaj, kvankam ni estas kaptitaj de nia korpo? Kia estas tiu ĉi benata libereco, pri kiu ni ĉiuj paroladas delonge?***
**La respondon vi trovas en Azio per tiu ĉi historieto:**

# Nia libereco

Homo iras al sia reĝo konata pro lia granda saĝeco, kaj demandas al li:

"Via Moŝto, bonvolu respondi: ĉu ekzistas libereco dum la vivo?"

La reĝo rigardas al li kaj demandas: "Kiom da kruroj vi havas?"

La homo sin rigardas, surprizite pro la demando.

"Mi havas du krurojn, Via Moŝto", li murmuras.

"Ĉu vi kapablas stari per ununura kruro?"

La homo iomete pensas, poste supren-levas la maldekstran, tenante sian tutan pezon per la dekstra kruro.

"Bone", diras la reĝo, "kaj nun suprenlevu la alian".

"Kiel??? Tio estas neebla, via Moŝto!"

"Nu, ĉu vi vidas? Vi estas libera, sed nur por fari la unuan decidon; sed poste jam ne plu".

Tradukis: *Tullia Spaggiari*
*el Correggio, Italujo*



<u>*SOLVOJ de enigmaj vortludoj (p. 43):*</u>

1. La papavo (**pap-avo**).
2. Tre verŝajne albano, kiu ĉiam iras **al bano**.
3. Ĉar li estas porcelano (**por-cel-ano**).
4. Romo, ĉar ĝi estas plena de romanoj (**Rom-anoj**).
5. Ĉar ili ambaŭ altiras (**al-tiras / alt-iras**).
6. Sekretario (**sekret-ario**).
7. Ĉar ŝi estus sendota (**send-ota / sen-dota**).
8. Ĉar li havas kolegon (**kol-egon**).
9. Ĉar tio estus katastrofo (**kata-strofo**).
10. Lavendon (**la vendon**).
11. Ĉar komparo (**kom-paro**) estas malagrabla.
12. Per L (**perlo**).
13. Ĉar li estas ĉarma persono (**per sono**).
14. Bonan vesperon (**vesp-eron**)!
15. Unua (**unu-a**).

# Ne vizio! Jen via KVIZO!

*Pluraj legantoj petis nin rekomenci kvizo-ludon.*

Plenumante ilian deziron ni lanĉas

## NOVAN KVIZON!

Ĝi celas perfektigi vian lingvo-scion.
Ĝi deziras aktivigi vin.

*Ni premios la plej aktivajn ludantojn per E-libroj kaj jarabono al nia revuo.*

**Ne hezitu do! Ek!!!**

**N-ro 1** (Limdato: 01-08-2007)

| | |
|---|---|
| 1 | Diru per unu vorto! *Granda domo, en kiu manĝas kaj tranoktas turistoj. (Andrzej Sobol, PL)* |
| 2 | Demetu la ĉapelo(j)n! Skribu pli ol kvin vorto-parojn, kies signifoj absolute diferencas kun kaj sen ĉapelo. Ekzemple: ĉaro/caro. *(V. C. Grez, CL)* |
| 3 | – Kara Anna, bonvolu doni al mi „etetan peceton da kulo", sen ĝi mi ne povas manĝi la supon. – Kion li bezonas? Divenu! *(J. Scott, GB)* |
| 4 | – Saluton, Maria! Mi dankegas la leteron, kion vi rapide sendis. – Korektu la eraro(j)n! *(Gian P.Savio, IL)* |
| 5 | Per ŝanĝo de unu litero faru el la sekvaj vortoj nomojn de bestoj: *polko, nervo, supo, ajlo, kulpo.* Trovu ankaŭ vi almenaŭ tri similajn vorto-parojn. *(Dieter Berndt, DE)* |
| 6 | Ĝi estas du-foje en momento, unu-foje en minuto kaj neniom-foje en horo. Kio estas tio? *(Dieter Berndt, DE)* |
| 7 | Kiuj el ĉi tiuj vortoj signifas mov(iĝ)on: *ruli, salti, kuŝi, rampi, sidi, paŝi, sidiĝi, stari (Saliko, FI)* |
| 8 | Kiu lando estas la plej dense loĝata en la mondo? *(Kruco, ĈN)* |
| 9 | Skribu tri frazojn, uzante en ĉiu ĉiujn vortojn. *bibliotekon, en, iras, la, mi, ne (Vespo, CU)* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en nia sekva numero. *(Donu la nomon kaj hejm-landon.)* |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Geza Kurucz* (*geza@banyai-kkt.sulinet.hu* / Hitel u.10, HU-6000 Kecskemét, Hungario ). Ne forgesu aldoni almenaŭ unu taskon, kiu tre ver-ŝajne aperos en nia sekva kvizo. Kiu deziras sin trejni en kvizoludo, sendante la solvojn de tiu ĉi turniro, povas sam-tempe peti novajn demandojn.

*kulo:* sango-suĉa flugil-hava insekteto / *turniro:* ludo-parto / *vizio:* vida halucino, misbildo.

Dank' al la helpo de s-ro Saiki Akira kaj tri esperantistaj organizoj de Japanio, en la jaro 1999 mi okazigis kaj gvidis prov-kurson de Esperanto por nevidantaj lernejanoj.

Post nelonge mi aŭdis, ke iu japana esperantisto donacis mon-sumon por helpi al vjetnamaj nevidantoj. Per tiu sumo, s-ro Saiki aĉetis necesajn lernilojn en Hanojo, kiam li vizitis ĝin en januaro 2001, kaj donacis ilin al la biblioteko de Vjetnama Esperanto-Asocio.

Kiam mi ekkorespondis kun s-ro ***Kita Masaichi***, mi jam sciis, ke li estis la bon-korulo, kiu donacis por blinduloj. Li estis kor-tuŝita ĝis larmoj leginte, ke la familio de mia kursanino havas tri blindajn filinojn, ĉar la patro estis infektita de dioksino dum la Nacia Rezisto-batalo kontraŭ la usona armeo.



Kiel bonkora kaj sentema estis s-ro Kita!

Li ebligis la estiĝon de fonduseto por helpi kaj kuraĝigi handikapulojn kaj blindulojn en la lernado de Esperanto. Pere de mi, li helpis kelkajn filantropiajn organizojn en Hanojo. Mi pensas, ke lia bonkoreco kaj sentemo devenis de lia sufero-plena vivo: la patrinon li perdis en sia infan-aĝo, unu el liaj du fratoj mortis pro malsano, la alia pro subakviĝo de ŝipo dum la Dua Mond-milito.

Laŭ lia kompleza invito, mi vizitis lin en Niigata en printempo 2003. Lia filo diris, ke la patro ofte parolis pri sia intenco viziti min en Hanojo. Tiun vojaĝon, bedaŭrinde, li ne povis entrepreni kaŭze de lia san-stato kaj grand-aĝo.

Esperanton s-ro Kita tre alte respektis kaj amis. Li skribis bone sen tajp-eraroj, sed neniam parolis ĝin, ĉar li estis izolita esperantisto. Lia kariero kiel instruisto de akupunkturo en la lernejo de blinduloj pruvis lian grandan simpation kaj kompaton al malbon-sortuloj. Post lia emeritiĝo li praktikis akupunkturon hejme kaj ĝuis la konfidon de pacientoj, kiujn li ne povis forlasi eĉ kiam li ne fartis bone.

Fine de junio lia filo sciigis al mi lian forpason. Mi priploris lin kvazaŭ li estus mia frato. Mi estas tre dankema al li pro liaj bonfaroj kaj la bela ekzemplo de bonaj ecoj koncerne senton, laboron, sindonemon, filantropion. Li restas por ĉiam en mia penso kaj memoro.

*Nguyen Thi Ngoc Lan, Vjetnamio*

# STELULOJ DE MALGRANDAJ POPOLOJ

KUBO

## José Martí

En modesta domo de Havano naskiĝis *José MARTÍ PÉREZ,* la stelulo de Kubo, la 28an de januaro 1853. Liaj gepatroj estis hispanoj.

### La infaneco de Martí

Li ege ŝatis legi. Kiel 7-jara infano li pruntis librojn de la lernejo aŭ de sia amiko Fermín. La plej granda amuzaĵo por li estis legi librojn kaj poste komenti ilin kun sia amiko. Martí estis talenta ankaŭ pri gramatiko kaj aritmetiko. Pro tio, lia patro ĉiam iris kun Martí al la bieno Hanábana, kiam li laboris tie, por ke la filo helpu lin en libro-tenado kaj raportoj por liaj ĉefoj.

En la bieno Hanábana li propraokule vidis la malbonegan kaj teruran sorton de la sklavoj, kion li neniam forgesis kaj jarojn poste li memoras tion en siaj tridek poemoj de „Simplaj Versoj".

Jam tre juna Martí devis labori por helpi sian familion, sed samtempe li trovis tempon por amuziĝi kaj lerni.

### La juneco de Martí

En januaro 1869, la abomenataj soldatoj faris perfortaĵojn kontraŭ la popolo. Lia instruisto Mendive – konata pro siaj ideoj pri sendependiĝo de Kubo – estis malliberigita. Martí vizitis lin en la malliberejo. Lia amiko Fermín estis deportita por kvar jaroj. La hispana aŭtoritato fermis la kolegion. Martí ne povis daŭrigi siajn studojn kaj komencis labori kiel servisto en oficejo.

La soldatoj en la domo de Fermín trovis leteron subskribitan de Martí, per kiu li malaprobas iun kunulon, ĉar tiu aliĝis al la hispana armeo. Pro tio Martí ricevas ses jarojn da pun-laboro en ŝton-minejo *San Lázaro.* La 5an de aprilo 1870 senhara li komencas la punlaboron en malliberula uniformo kun feraj katenoj fiksitaj ĉe la maleoloj de la dekstra piedo kaj ĉirkaŭ la talio.

Laŭ interveno de la gepatroj Martí ricevas pun-ŝanĝon al ekzilo en la bieno *El Abra* de Pininsulo. Post du monatoj li estis deportita al Hispanio.

### Martí – porinfana verkisto

*La Ora Aĝo* aperis kiel 32-paĝa revuo. La unua numero aperis en julio de 1889 kaj la lasta en oktobro samjare. Ĝia historio estas mallonga, ĉar ekestis konflikto inter Martí kaj la eldonisto, kiu pagis la kostojn kaj petis lin paroli al la infanoj pri diotimo. Kaj kiam li komentis la Iliadon de Homero en la revuo, li klarigis al la infanoj: *„La homo aspektas eta antaŭ la naturo, kaj li sentas la be-*

*zonon kredi je io potenca kaj preĝi al ĝi, ke ĝi traktu lin bone"*. Tio sufiĉis por ĉesigi la revuon.

Dek jarojn post la morto de Martí la kvar numeroj de *La Ora Aĝo* aperis libro-forme. Jen kelkaj pensoj el ĝi:

– *Sen knabinoj ne eblas vivi, kiel la Tero ne povas vivi sen lumo.*

– *Infano, ekde kiam ĝi povas pensi, devas pensi pri ĉio kion ĝi vidas.*

– *Infanoj devas kunveni unu-foje semajne por vidi, al kiu ili povas fari ion bonan.*

– *Infano devas ekplori kiam pasis tago sen lerni ion novan, sen utili al iu.*



– *...neniu malgaju kaj malkuraĝu dum ekzistas libroj en bibliotekoj kaj lumo en la ĉielo kaj amikoj kaj patrinoj.*

La fabeletoj el *La Ora Aĝo* aperis en Esperanto libro-forme en la jaro 1990, okaze de UK de Esperanto en Kubo.

## *Martí – patrioto*

Post la malsukceso de la liberiga Dekjara Milito (1868-1878) kaj la milito nomata Malgranda Milito (1878-1880) Martí, kiu loĝis tiam en Usono, sukcesis kunigi la patriotojn (en- kaj ekster-landajn), kiuj aktivis por la sen-dependeco de sia lando. Li fondis la Kuban Revolucian Partion (1892), kiu unuigis ĉiujn fortojn kontraŭ la hispanaj koloniistoj. La milito komenciĝis la 24an de februaro 1895, sub la slogano *„For la hispanan regadon! Vivu la respubliko! Vivu Kubo libera!"*

Martí revenis al Kubo por persone partopreni ĝin. Li fariĝis generalo de la Liberiga Armeo kaj, 34 tagojn post sia generaliĝo, falis en batalo tiel kiel li antaŭe deziris *„kun vizaĝo al la suno"*.

Kubanoj konsideras lin sia „nacia heroo".

*Jozefo de Jesús Campos Pacheco*

*abomeni:* malamegi / *aritmetiko:* branĉo de matematiko / *aŭtoritato:* povo, kiu rajtas postuli obeadon / *deporti:* pune transporti al fora loko / *ekzili:* forsendi iun el sia patrujo per juĝa ordono / *gramatiko:* lingvo-regularo / *kateno:* man- aŭ pied-ĉeno por malliberuloj / *kolegio:* mez-grada lernejo en iuj landoj / *komenti:* aldoni sian opinion / *maleoloj:* elstaraj ostetoj ambaŭ-flanke super kalkano / *mino:* subtera kavaĵo, el kiu oni eligas ŝtonon, karbon k.a. / *patrioto:* patruj-amanto / *sklavo:* senrajta homo / *slogano:* frap-fazo(j) / *talenta:* super-saĝa / *uniformo:* vestaĵo por ĉiuj de iu profesio aŭ grupo.

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO





Ĉu vi memoras la dors-kovrilon de nia revuo antaŭ unu jaro? Tie vi vidis memfidan stelo-portan strigon lanĉi sin al flugado, ĉiurkaŭita de strang-lingvaj – angl-lingvaj skriboj. Jen la gimnastika strigo resaltas en niajn paĝojn.

Vi trovos bonan klarigon pri la projekto 'Lingvo-lanĉilo' sur paĝo 33 de la revuo. Por doni praktikan ekzemplon pri la materialo kiun oni uzas en tiu projekto, legu la sekvan teatraĵeton. Vi facile povas imagi kiel ĝi povus sursceniĝi en la prizorgo de grupo de ok-jaraĝuloj. Se vi mem scias pri grupo de infanoj kun proksimume tiu aĝo – ne nur imagu – provu!

## Nun ni komprenas

Kvak! Pip! Ror!



rano



muso



leono

Baldaŭ aperos por la projekto ses tiustilaj teatraĵetoj. Vizitu la retejon de Lingvo-Lanĉilo (v. p 34) por ekscii kiel aĉeti tiun kolekton.

Sekvanumere ni raportos pri la projekto 'Lingvolanĉilo' en aliaj landoj.

## Nun ni komprenas

*Envenas, beste mimante, rano, leono kaj muso.*



**Rano:** Kvak! Kvak!
**Leono:** Ror! Ror!
**Muso:** Pip! Pip!

*Envenas frato kaj fratino. Ili aŭskultas.*

**Rano:** Kvak! Kvak!
**Fratino:** Ĉu vi komprenas?
**Frato:** Ne. Mi ne komprenas.
**Rano:** Kvak! Mi estas rano. Mi parolas kiel rano. Mi parolas rane.
**Frato/Fratino:** Sed ... ho, ve. Ni ne parolas rane. Ni ne kvakas. Ni ne komprenas.



**Leono:** Ror! Ror!
**Fratino:** Ĉu vi komprenas?
**Frato:** Ne. Mi ne komprenas.
**Leono:** Ror! Mi estas leono. Mi parolas kiel leono. Mi parolas leone.
**Frato/Fratino:** Sed ... ho, ve. Ni ne parolas leone. Ni ne roras. Ni ne komprenas.
**Muso:** Pip! Pip!
**Fratino:** Ĉu vi komprenas?
**Frato:** Ne. Mi ne komprenas.







**Muso:** Pip! Mi estas muso. Mi parolas kiel muso. Mi parolas muse.

**Frato/Fratino:** Sed ... ho, ve. Ni ne parolas muse. Ni ne pipas. Ni ne komprenas.

**Rano:** Kvak! Ankaŭ mi ne komprenas. Mi ne parolas leone aŭ muse. Mi ne roras aŭ pipas.

**Leono:** Ror! Ankaŭ mi ne komprenas. Mi ne parolas rane aŭ muse. Mi ne kvakas aŭ pipas.

**Muso:** Pip! Ankaŭ mi ne komprenas. Mi ne parolas rane aŭ leone. Mi ne kvakas aŭ roras.

**Rano/Leono/Muso/Frato/Fratino:**

Ho, ve! Ni ne komprenas.

**Fratino:** Momenton! Mi ne parolas rane ... aŭ leone ... aŭ muse. Mi ne kvakas ... aŭ roras ... aŭ pipas.
Sed mi parolas Esperante.

**Frato:** Ankaŭ mi ne parolas rane ... aŭ leone ... aŭ muse. Mi ne kvakas ... aŭ roras ... aŭ pipas.
Sed mi parolas Esperante.



| | |
|---|---|
| Frato/Fratino: | *(Al la bestoj)* |
| | Ĉu vi parolas Esperante? |
| Rano: | Kompreneble! Mi parolas rane ... |
| | kvak! ... kaj Esperante. |
| Fratino: | Saĝa rano vi estas. |
| Leono: | Ankaŭ mi. Mi parolas leone ... ror! ... |
| | kaj Esperante. |
| Frato: | Saĝa leono vi estas. |
| Muso: | Kaj ankaŭ mi. Mi parolas muse ... |
| | pip! ... kaj Esperante. |
| Fratino: | Saĝa muso vi estas. |
| Frato: | *(Al la bestoj)* |
| | Vi parolas Esperante ... |
| Fratino: | Ni parolas Esperante ... |
| Frato/Fratino: | Kaj nun ni komprenas. |
| Rano/Leono/Muso: | |
| | Jes! Nun ni komprenas. |
| Rano: | Kvak! |
| Leono: | Ror! |
| Muso: | Pip! |
| Rano/Leono/Muso: | |
| | Esperante! |







*Paul Gubbins 2007*

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAGO

# En la ludejo - 1a ĉambro



Ĉu vi ŝatis la festegon de Kontentulo kaj Elegantulo? Oni vere bone manĝis tie! Malsatulo ŝategis la sandviĉojn kaj la ĉoko-pomojn. Kompreneble ne nur Malsatulo kaj la grandaj Uloj ĝuis la bongustajn pladojn, sed ankaŭ la infanoj. Malgrandulo, Etulo, Etulino kontente dividis la deserton kun Kontentulido kaj Elegantulido. Kio? Ĉu vi ne konas ilin? Ĉu vi konas nur Kontentulon kaj Elegantulon? Ho, en tiu kazo estas facile diveni, ke:

***KontentulIDo = la infano de Kontentulo!***

Jes! Do, diru al mi, kies infanoj estas la sekvaj Idoj?

- ☺ ElegantulIDo estas la infano de ......................................... .
- ☺ Rapidul*ido* estas la infano de ......................................... .
- ☺ Fortulido estas la ......................................................... .
- ☺ Gajulido estas ............................................................. .
- ☺ Pacienculido ............................................................... .



Ĉu vi trovis ilin? Gratulojn! Kaj kio okazas post la manĝo? Estas konate, ke la Etuloj manĝas pli rapide ol la Granduloj. Kaj poste ili tuj kuras ludi. Ili manĝis en la *manĝejo*.

***manĝEJo = loko por manĝi***

Nun ili serĉas la lokon por ludi. Trovu inter la sekvaj lokoj, kien ili devas iri?

dormejo naĝejo kuirejo ludejo lernejo

Se vi elektis la dormejon, iru dormi, ĝi estas la loko por dormi.

- La naĝEJo estas loko por ....................... .
- La kuir*ej*o estas loko ................................... .
- La lernejo estas ..................................................... .
- La ludejo ............................................................................ .



Se vi elektis la ludejon, do venu ludi kun ni! Ni invitas vin malkovri la mirindan mondon de la ludoj. Elektu inter ili laŭ via plaĉo!

**Deponejo:** trovu la manieron loki ĉiujn skatolojn en tiun ĉi deponejon!




Deponejo:

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| × | × | × | × | × | | | × | × | × |
| × | × | × | | | | | × | × | × |
| × | × | × | | | | | × | × | × |
| × | × | | | | | | × | × | × |

**7-farejo:** metu du liniojn inter la ĵetkubojn tiel, ke en la tiel estiĝantaj 4 partoj ĉiam estu 7 poentoj!





**31-farejo:** dividu la tabulon je 4 partoj tiel, ke en ĉiuj partoj la sumo estu 31, kaj en ĉiuj partoj la sama numero aperu nur 1 foje!

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 4 | 8 | 9 | 10 | 8 |
| 2 | 9 | 5 | 7 | 2 |
| 1 | 6 | 2 | 3 | 13 |
| 5 | 8 | 14 | 2 | 6 |



Multajn sukcesojn, kaj ne forgesu skribi al ni viajn rezultojn! Se vi ŝatas ludi, nepre venu kun ni sekvontfoje en la 2an ĉambron! Ĝis baldaŭ!

# EMIL ERNI

Jen Emil kaj Erni sur planedo Kvang en fora estonteco.















Sed mi ne tiom ŝatas la restoraciajn tempo-maŝinojn. Ili tro ofte estas preter-dataj!

Mi plej amas tiujn en la naturo.

Ne plendu al mi kiam viaj stomakoj doloros.

Ve! Kiel mi sciu ke iliaj plej ŝatataj manĝoj estas tempo-maŝinoj.

Rapidu! Ni kuru en la bunĝibojn!

ĈOMP! KRUNĈ!

VORO

Hmm. Aparte bongusta. Tre freŝa. Ankoraŭ varma de iu vojaĝo. Nur... iom senenhava.

Pjuu! Apenaŭ ni eskapis! Almenaŭ ĉi tie la zbrugo ne vidos nin. Certe inter la bunĝiboj ni estos sekuraj.

## VORTKLARIGOJ

*malica:* malamika, malbonvola
*precipe*: ĉefe
*frandi:* manĝeti bongustaĵojn
*eskapi:* forkuri al sekureco
*preterdata*: post la dato ĝis kiu oni devas manĝi manĝaĵon por ke ili estu freŝaj.

Kio estas pli danĝera – zbrugo aŭ bunĝibo?

Ĉu Emil kaj Erni saltis el la pato en la fajron?

Eksciu en la sekva numero de *Juna amiko.*

# Ŝerco-Streĉo-Steĉjo-kruc': TRANSFORMOJ

Trovu la kaŝitan ŝercon ĉe 1 kaj 35 horizontale. Ni donas du literojn!

| | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | I | 6 | | 7 | | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | | 14 | 15 | | 16 | 17 | C | 18 | 19 | | 20 |
| 21 | | | | | | | | | | 22 | | | | | | | 23 | | | 24 | | | 25 | | | |
| | | 26 | | | 27 | | 28 | | 29 | | 30 | | | | | | 31 | | 32 | | | | 33 | | 34 | |
| 35 | 36 | | | | | | | | | 37 | | | | | | 38 | | | | | | 39 | | | | 40 |
| 41 | | | 42 | | | | | | 43 | | | | | 44 | | | | | | | 45 | | | | | |
| 46 | | | 47 | | | 48 | | | | | 49 | | | | | 50 | | | | 51 | | | 52 | | | |
| 53 | | | | | | | | | 54 | | | | | 55 | | | | | | 56 | | | | 57 | | |

## HORIZONTALE →

1. Komenco de la ŝerco: (2+2+4+5+5+4+5)
21. Detruita kastelo aŭ antikva konstruaĵo.
22. Lerni diri ion (ekzemple poemon) sen legi la tekston. (R)
23. Kun tio antaŭ sporto, vi povos transiri landlimojn.
24. La dudekunua litero de la esperanta alfabeto.
25. Kondiĉa vorteto: "____ mi estus riĉa...".
26. Kiom vi devas pagi por ke oni forportu vian aŭton post paneo. (3+5).
30. Pulso; regula batado – en muziko, poezio, aŭ en via koro.
31. Infanon, kiu perdis la gepatrojn.
33. Monteto farita el urbo-ruinoj. Trovebla en balkanoj kaj proksim-orientaj landoj. (R)
35. Dua parto kaj fino de la ŝerco. (4+2+2+5+2+5-7)
41. Eŭropa Unio (mallongigo)
42. Plena je faroj, malpasiva.
43. Aŭd-organo. (R)
44. Levas glason dum festo por celebri ion aŭ iun.
45. Fantomo aŭ monstro estas tia.
46. Emfaza vorteto.
47. Tion, kion oni faras por ricevi salajron (aŭ poŝmonon!).
49. Mallonga mesaĝo, aŭ numere skribita ekzamen-rezulto.
50. Homo, kiun oni devas trovi.
52. Miso, malĝustaĵo. (R)
53. Portebla ujo por skeleto-partoj. (4+4)
54. Frakcioj. Partoj de tuto.
55. La monunuo de Ĉinio.
56. La monunuo de Japanio.
57. La unuo (sed ankaŭ la plej granda valoro) dum kartludoj.




## VERTIKALE ↓

1. Loko kun tuf-arbustetoj kaj herboj, iom marĉa.
2. Esprimo de hezitemo aŭ pensado.
3. Kuŝ-meblo.
4. Alia vorto por besto.
5. Manĝas entuziasme kaj grand-kvante.
6. Koloro simila al purpura. Nomo de tiukolora floro. (R)
7. Aprezu. Trovu plaĉa. Ĝuu.
8. Norda Poluso (mallongigo)
9. Plaĉa orda loko kun floroj, herbo, arbustoj ktp. Ekzemple, Edeno.
10. Pasero-similaj birdoj.
11. Ekster-Kursa Tempo-Divido. (mallongigo)
12. Malgrandaj planto-produktoj, per kiuj ili kreu novajn plantojn.
13. Malkovro. Rezulto de serĉo.
14. Neplanite. Okazinta pro instinkto. (R)
15. Vigla hungara danco.
16. Agrabla odoro. (R) Ekzemple, de freŝa kafo (se vi ŝatas tion!)
17. Dekduonon de jaro. Ekzemple: januaron, februaron, marton...
18. Kun granda respekto. Antaŭe, oni finis leterojn per tiu vorto.
19. Denove moviĝa al la interno. (2-2-3)
20. Tio malfacilas, laŭ la kanto. (R)
27. En la stilo de mal-ina infano.
28. Sekvanto de dino aŭ tirano.
29. Formo de oksigeno (kun tri atomoj) kiu kaŭzis truon en la atmosfero.

32. Fari truon.
34. Altiras pro sia boneco.
36. Trempas planton por akiri ĝiajn fibrojn por teksado.
37. Sufikso por grupo (sen finaĵo).
38. Sufikso kiu signifas 'laŭ la stilo de'. Kun finaĵo.
39. Pronomo por virino.
40. Dek du monatoj.
48. La duono de kvaroble kvar.
51. Trinkaĵo farita el sekigitaj folioj. (R)

# GAJNU SOMERAN FERION en la KORO de GERMANIO !

Jen nia propono — gajnu lokon en la dua Somera Arbara Lernejo (SALO2). Tiu estas speciala feria renkontiĝo por infanoj kiuj parolas Esperanton, plejparte venantaj el lernejoj en partner-urboj de Herzberg. La aranĝo estas organizita apud la Esperanta urbo Herzberg-am-Harz. Tiu urbeto estas ĉirkaŭata de arbaroj kaj la montaro Harz. Serĉu ĝin sur mapo. Sud-oriente de Hanovro, sud-okcidente de Magdeburg kaj Berlino, nord-oriente de Göttingen kaj Kassel kaj sud-okcidente de Leipzig. Herzberg havas kelkajn partner-urbojn en aliaj Eŭropaj landoj. Multaj eŭropaj urboj havas ĝemel-urbojn. Sed la homa kaj kultura interŝanĝo inter tiuj malsam-landandanoj tuj renkontas obstaklon – lingvo-baron. Jen perfekta ŝanco por esperantistoj. Tiun ideon sekvas la Esperanta Centro en Herzberg. Tiu urbo havas oficialan ĝemelan rilaton kun Gora (pron. Gura) en okcidenta Pollando (serĉu ankaŭ tion sur mapo!).

En Herzbergaj lernejoj oni instruas Esperanton, same en lernejoj en Gora. Jam en la pasintjara unua SALO, infanoj el tiuj du urboj renkontis unu la alian kaj bone amikiĝis. Krome, lernantoj el Hungario partoprenis. Ĉi-jare partoprenos infanoj el Herzberg kaj Gora, kune kun grupo eble el Kroatio. Povos aldoniĝi pliaj – kaj ankaŭ vi – se vi kuraĝos partopreni la konkurson!

**Dato kaj programo**

La aranĝo daŭros du semajnojn: de la 28a de julio ĝis la 11a de aŭgusto. En la programo okazos ekskursoj, naĝado, konkursoj, ludoj, sportoj kaj multe pli. Foto de la lasta SALO1 aperis sur la kovrilo de la januara numero de *Revuo Esperanto*. Vidu ankaŭ nian nunan kovrilon.

Bildoj de la loko, kie okazos SALO-2 estas rigardeblaj en la reto ĉe <http://www.fotos.web.de/interkultura-centro/SALO_2_Sieber_Herzberg>.
Legu pri Herzberg kaj ĝia E-centro ĉe <http://www.ic-herzberg.de>.

**La premioj**

La premioj estas donacitaj de la Esperanto-Centro:

- Unua premio: 6-taga senkotiza junula partopreno en SALO 2.
- Dua premio: 3-taga senkotiza junula partopreno en SALO2.

Aĝlimoj 11-17. Akompananta plenkreskulo estos bezonata por junaj gajnontoj. La premio inkluzivas tranoktadon, programon kaj tri manĝojn tage. Ne inkluzivitaj estas vojaĝ-kostoj kaj asekuro – kiun oni nepre akiru. Ni invitas al akompanant(in)o aliĝi al la gvida teamo – la Centro ofertas bonetosan kunlaboremon kun signifa partopren-rabato.

**La tasko**

1. Sendu la kaŝfrazon de la kruc-enigmo.
2. Sendu viajn respondojn al la kvin demandoj sur paĝo 5.
3. Sendu verkon kun 400 ĝis 600 vortoj pri unu el la sekvaj temoj:
   1) Kial mi volas partopreni en SALO 2.
   2) Ŝanĝoj en mia vivo.
   3) Maŝinoj – ĉu niaj amikoj aŭ malamikoj?

*Juna amiko* rezervas la rajton aperigi konkursaĵojn. Ĉiu konkursaĵo kiu atingas akcepteblan nivelon eniros loterion. Familianoj de nia redakcio ne rajtas partopreni.




**Vortklarigoj**

*ĝemeloj:*

*ĝemel-urboj*



*obstaklo*: malhelpo
*inkluzivi*: enhavi
*asekuro:* protekta pago
*rezervi*: teni por posta uzo.

**Ensendo**

Sendu vian respondon rete al: stefan.macgill@gmail.com, kun temlinio "SALO2 Konkurso"; aŭ paperpoŝte al: Juna amiko, pf. 193, HU-1368 Budapest – se eble aldonu retadreson per kiu ni povos mesaĝi al vi. Se vi ne ricevas retan konfirmon pri ricevo de via konkursaĵo, sendu protestan ret-mesaĝon. Limdato por alveno de konkursaĵoj: Junio 10, 2007. Ni tuj sciigos la gajnintojn per ret-poŝto aŭ letero. La rezultoj aperos ĉe la retejo de *Juna amiko* en la biblioteko ĉe www.lernu.net ekde junio 15.

# Interkultura mondo



**Rubrikestro:** Elena Nadikova,
Lernejo/Ŝkola 55,
str. Leninskogo Komsomola 54,
RU-428037 Ĉeboksari, Rusio.
lena_espero@mail.ru.

Bonan tagon, karaj legantoj! Bonan tagon kaj bonan jaron, bonan humoron kaj bonan sanon! *Interkultura mondo* salutas vin sur siaj paĝoj kaj gratulas okaze de la komenciĝinta nova jaro, okaze de apero de la nova numero de nia revuo! Ni deziras al vi novajn interesajn renkontiĝojn sur la paĝoj de *Juna Amiko*, novajn sci-plenajn rakontojn, novajn fidelajn amikojn tra ĝi!

Pasint-jare en la numero 2 (116) ni rakontis pri la dua AKEL-renkontiĝo (enkadre de la programo 'Socrates/Comenius 1 – inter lernejoj'). Ĝi okazis en la itala urbo Modeno kaj kolektis partoprenantojn el 3 landoj: Bulgario, Britio kaj Italio. Hodiaŭ ni volas prezenti al vi unu el la grupoj - AKEL-anoj – la grupon **Verdaj steletoj** el la bulgara urbo Polski Trambeŝ. Bulgario situas en la sudo de Eŭropo, apud la Nigra maro, kaj Polski Trambeŝ – en ĝia norda parto, en la regiono Veliko Tarnovo.

Nun en Verdaj steletoj estas 10 geknaboj. Jen estas iliaj sinprezentoj.

- Mia nomo estas Simona. Mi estas 12- jara kaj mi studas en la 6a klaso. Mi havas gepatrojn kaj pli junan fraton. Mi ŝatas aŭskulti muzikon, legi kaj ludi kun bestoj. Mi ne ŝatas dolorigi bestojn.
- Mi nomiĝas Kristina kaj mi estas preskaŭ 8-jara. Mi lernas en la unua klaso de la lernejo. Mi lernas Esperanton kune kun mia patrino. Mi ŝatas pentri kaj ludi. Mi ne ŝatas dormi kaj manĝi. Mi revas veturi eksterlanden. Mi kolektas kolorajn paper-buŝtukojn, kalendaretojn, sukeretaĵojn kaj revuojn pri barbi-pupoj.
- Mi nomiĝas Silvija. Mi estas 12- jara kaj mi studas en la 6a klaso. Mi ŝatas aŭskulti muzikon, spekti televidon kaj pentri. Mi timas serpentojn.
- Natalija: mi estas 12- jara; mi lernas en la 5a klaso. Mi ŝatas pentri kaj legi. Mi ne ŝatas kiam pluvas. Mi kolektas kolorajn buŝtukojn, kalendaretojn kaj sukeraĵetojn.
- Mi nomiĝas Kalina kaj mi estas lernantino de la 7a klaso. Mi estas 13-jaraĝa. Mi ŝatas promenadi kun miaj geamikoj, viziti diskotekon, sporti kaj pentri.
- Gergana: mi estas 12- jara kaj mi lernas en la 6a klaso. Dum mia libera tempo mi ŝatas promenadi kun geamikoj, spekti televidon, aŭskulti muzikon

kaj ludi per komputilo. Mi tre amas mian familion kaj miajn geamikojn. Mi malŝatas homojn, kiuj mensogas kaj ŝtelas. Mi revas, ke ĉiuj homoj estu feliĉaj kaj pli bonaj.

- Mi estas 13- jara kaj mia nomo estas Borjana. Mi havas pli junan fratinon – Teodora. Mi ŝatas renkontiĝi kun geamikoj, aŭskulti muzikon kaj viziti ĉiaspecajn ekster-lernejajn okupojn. Mi ne ŝatas mensogojn.




- Mi nomiĝas Joana, mi estas 16-jara; mi studas en la 10a klaso. Mi ŝatas legi librojn kaj dum mia libera tempo mi aŭskultas muzikon kaj laboras ĉe mia komputilo. Mi tre ŝatas promenadi kun geamikoj kaj fari fotojn de la lokoj, kiujn mi vizitas.
- Mi nomiĝas Petar - deka klasano. Mi havas amikinon. Mi ŝatas sporti kaj renkontiĝi kun geamikoj. Mi kolektas kolorajn buŝtukojn kaj sukeraĵetojn.
- Ivanelka: mi estas 10-jara kaj mi apartenas al la tria klaso. Mi tre ŝatas legi

librojn kaj renkontiĝi kun miaj amikinoj. Mi volas, ke miaj familianoj estu feliĉaj. Mi kolektas kolorajn paperajn buŝtukojn.



La grupo **Verdaj steletoj** estas partoprenanto de la projektoj *Interkulturo* kaj *AKEL*. Gvidas la grupon sinjorino Mariana Gencheva, la instruistino de la lernejo "Canko Cerkovski". Ŝi nun kunordigas AKEL-2 kaj ŝi iniciatas alian projekton "Inter-kultura kaj mult-lingva dialogo". (Legu pri ĝi ĉe edukado.net).

Enkadre de la projekto AKEL jam okazis tri renkontiĝoj: la unua renkontiĝo inter la delegacioj de la tri lernejoj (mezlernejo "Canko Cerkovski de Polski Trambeŝ, Bulgario; ŝtata mezlernejo "Cavour" de Modeno, Italio kaj mezlernejo "Sir Thomas Rich's School" de Gloucester en Britio) okazis en novembro, 2005 en la urbo Polski Trambeŝ; la dua okazis en la urbo Modena, en aprilo 2006; kaj la tria okazis en oktobro 2006 en la urbo Gloucester. Inter 14a kaj 22a de aprilo de la nuna jaro okazos la kvara renkontiĝo – denove en la urbo Polski Trambeŝ, Bulgario. Ĝiaj partoprenantoj diskutos siajn estontajn planojn enkadre de la projekto. Ni deziru sukcesojn al la partoprenantoj - AKEL-anoj!

**Ili reale pruvas, ke Esperanto estas uzebla kaj, sendube, vere interkultura lingvo!**

---

## SOLVOJ EL LA ANTAŬA NUMERO

Alumetaj solvoj de paĝo 21 →

La besta krucenigmo sur p. 34 ↓

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| R | A | T | O | | B | U | F | O | | D |
| E | | R | | B | O | N | A | | P | O |
| | K | A | P | | V | U | L | P | O | |
| D | U | M | | M | I | | K | O | R | V |
| O | N | | H | U | N | D | O | N | | O |
| M | I | L | | S | O | R | | E | K | S |
| | K | A | T | O | | A | D | O | L | T |
| A | L | | | J | A | K | | N | O | O |
| | O | R | A | N | Ĝ | O | J | | N | J |









# Lingvo-Lanĉilo – kiel ĝi lanĉiĝis?



**bazita sur partoj de prelego de Angela Tellier dum 'Tago de la Lernejo' en la UK en Florenco.**

La projekto naskiĝis en Britio, kun la angla-lingva titolo *Springboard to languages*. Tiu *springboard* estas la salt-tabulo kiun uzas gimnastikisto por lanĉi sin sur aŭ super la gimnastika 'ĉevalo'. Aŭ kiun plonĝisto uzas por lanĉi sin gracie en la akvon. Do, la projekto prezentas Esperanton kiel bonegan lanĉilon en la mondon de lingvo-lernado.

Britaj infanoj neniam entuziasme lernis fremdajn lingvojn, des malpli nun, ke oni konsideras la anglan, kiel 'internacian'. Britaj esperantistoj dum jaroj luktis sen sukceso en tia malfavora lingva klimato enkonduki Esperanton en la oficialan studprogramon de britaj lernejoj. Foje okazis postlernejaj aŭ lunĉ-paŭzaj klubetoj – sed la rajto instrui Esperanton oficiale ne estis donita.

Tamen, antaŭ nelonge la brita registaro, kredu-nekredu, vekiĝis, kaj decidis ke estus bone se nia insulo integriĝus iom pli en Eŭropon kaj farus seriozajn klopodojn instrui al niaj lernejanoj aliajn lingvojn. Rekonante, ke prefere infanoj komencu lerni fremdan lingvon kiel eble plej junaĝe, la registaro prenis saĝan decidon – nome ke ĉiu infano havu la leĝan rajton – ekde 2010 – lerni almenaŭ unu fremdan lingvon ekde sia sepa jaraĝo.

La registaro prenis alian decidon, malpli saĝan, nome, ke, 14 jaruloj rajtas **mal**elekti fremdan lingvon: kaj jam de du jaroj ili tion faras grandskale. Tamen, ni britaj esperantistoj ne tro plendu, ĉar por ni larĝe malfermiĝis fenestro. Senescepte, ĉiu ŝtata lernejo en Anglio (skotaj, kimraj kaj nord-irlandaj najbaroj ĝuas proprajn eduk-sistemojn) devos provizi kvar jarojn da instruado de fremda lingvo al infanoj inter la aĝoj de 7 kaj 11. La nocio 'fremda lingvo' inkluzivas etnajn lingvojn, kaj tio kovras ankaŭ la rajton instrui Esperanton.

Bazlernejoj havas problemon: ili havas ĝis 2010 por plenumi tiun ĉi leĝon. Mankas instruistoj de fremdaj lingvoj. Mankas emo instrui fremdajn lingvojn. Mankas rimedoj kaj scioj – instruistoj en sia junaĝo lernis ĉefe la francan, sed nuntempe infanoj volas lerni aliajn lingvojn, ekzemple la hispanan. Kiun lingvon ĉiu bazlernejo elektu? Unu gimnazio ricevas lernantojn de pluraj bazlernejoj. Imagu la ĥaoson se ĉiu bazlernejo instruus malsaman fremdan lingvon! Imagu ke infanoj en unu lernus la francan, en alia, la germanan, en tria la hispanan. Je la aĝo de 11 ĉiuj komencos studi ĉe la sama gimnazio kie oni instruas,

ekzemple, nur la francan. Tiuj kiuj jam spertis 4 jarojn de la franca havus grandan avantaĝon – la aliaj kvazaŭ perdus 4 jarojn kaj devus rekomenci.

Ni cerbumis: ĉu bazlernejoj akceptus instrui Esperanton kiel fremdan lingvon – neverŝajne, sed eble kiel helpilon ili akceptus ĝin. Naskiĝis la projekto 'Lingvolanĉilo'. Ni proponas ke Esperanto estu uzata kiel ilo – por veki ĉe infanoj lingvan konscion kaj lernemon. Ni do proponas trejni instruistojn, ni pretas iri en lernejojn por helpi dum klasinstruistoj mem lernas la lingvon kaj orientiĝas en la projekto. Plie ni proponas rimedojn kaj lernilojn, kiuj estas allogaj por infanoj de tiu aĝo. *(Tiujn ni prezentos al vi pli detale en estonta artikolo).* Plej grave, ni proponas trovi por ili partnerajn lernejojn en, kaj ekster Eŭropo. *(La internacian vizaĝon de Lingvolanĉilo ni ankaŭ prezentos estonte).*

Ni prezentis la projekton ĉe prestiĝa lingva foiro en Londono, kaj ĉe alia en Manĉestro kiu celis aparte bazlernejojn. La reago de la instruistoj estis tre pozitivaj. Plaĉis al ili la ideo ke oni NE uzu la anglan por instrui alian lingvon, ĉar anglaj infanoj (jam iom arogantaj pri lingva superceco) havos grandan avantaĝon kompare al ne-anglaj infanoj. Memoru, ke Britio nuntempe estas multkultura, multetna, multlingva lando – ĉiu, kaj ĉies lingvo gravas. Ĉiu, ĉies lingvo, ĉies kulturo rajtas ricevi respekton.

Rezulto de niaj prezentoj, lernejo en Kembriĝo ricevis nian materialon, kontaktis nin, ricevis de ni viziton, kaj akceptis nian projekton! Ekde septembro Lingvolanĉilo funkcias en la lerneja studprogramo por 3 klasoj dum du duon-horoj semajne. El kvarjara deviga programo pri lingvoj, nia okupos la unuajn du jarojn: dum la unua jaro la klasinstruisto lernos kune kun sia klaso, kaj en la dua jaro mem instruos al la suba aĝgrupo dum la origina klaso kun la klasinstruisto komune daŭrigas kun la dua jaro de la programo. Tiel, post du jaroj da subteno niaflanke, la lernejo estos 'sendependa' kaj kapabla mem instrui. Post tiuj du jaroj, la infanoj transiros al la franca. Kia lernejo ĝi estas? Ordinara ŝtata lernejo en ne aparte riĉa kvartalo, sed la instruistaro entuziasmas, la lernejestrino ekstazas.

Jen simpla ekzemplo, kiel ni prezentas la komunecon inter multaj lingvoj de Eŭropo.

| | |
|---|---|
| portugala | papagaio |
| hispana | papagayo |
| germana | Papagei |
| kroata | papagaj |
| dana | papegøje |
| nederlanda | papegaai |
| hungara | papagáj |
| rumana | papagal |
| sveda | papegoja |
| turka | papağan |



**papago**

Kiu volas scii pli pri la projekto en Britio, vizitu la angla-lingvan paĝon: http://www.springboard2languages.org Krome vidu paĝon 28, ĉar la aranĝo ĉe kiu vi povos gajni senpagan lokon (SALO2) povas ankaŭ akcepti lernantojn el divers-landaj klasoj de 'Lingvo-lanĉilo'.

# *Orioloj alvenas!*



PaĉjOriolo faris spontanan decidon. Li logis sian familion al ĝardeno kun erikejo kaj violoj, kie ili povos konstrui neston por ekloĝi.

„Brila trovo! Eĉ kun kastela ruino!"

"Jes, estas telo... certe ne hotelo." aldonis filo UnOriolo.

"Ne gravas, mi ŝatas ĝin. Ĝi estas histori-eska. Ni laboros kaj kreos por ni belan loĝejon!" pepis PanjOriolo.

La kvar infanoj pli interesiĝis pri amaso da semetoj sur la tero; ili kuris kaj voregis ilin. Ili facile konvinkiĝis pri la nova loĝloko.

PaĉjOriolo ĉiam pensas pri aferoj de honoro. Li solene deklaris: "Ni devas levi flagon por montri ke ĉi tiu ĝardeno estas nia teritorio"

„El kio ni fabrikos flagon?" demandis filo UnOriolo: „Ĉi tie estas nur kanoj."

„Ni povos teksi flagon el la kanoj! Ni devas nur rui ilin." respondis Paĉjo.

„Rui? Mi ne komprenas la vorton. Kion tio signifas?" demandis UnOriolo.

„Ha. Mi lernis tion de mia avino." respondis DuOriolo: "Ni trempu ilin en akvo kaj ni eltiru la fibrojn. El tiuj fibroj, ni teksos nian flagon."

"Nia etulo pravas. Vi bone aŭskultis. Venu, ni ruu la kanojn."

„Amuze! Mi kredis, ke vi diris ke ni truu la kanojn." diris TriOriolo.

„Kaj mi kredis ke vi diris ke ni detruu ilin!" aldonis KvarOriolo.

„Vi ambaŭ pravas. Vi ne eraras. Unue ni truas ilin, por ke la akvo eniru. Due, ni detruas ilin, ĉar ni devas tranĉi ilin. Trie, ni metas ilin en akvon, kaj ni ruas ilin. Tiel ni akiros fadenojn, kaj tiujn ni teksos.

La familio laboris — per bona labor-ritmo ili preparis la kanojn kaj faris flagon. Ili ordigis la ŝtonojn de la kastel-ruino por konstrui novan turon. Dume ili trovis kaŝitan osto-sakon – jen malagrabla memoro de iu malnova homa batalo en ĉi tiu loko. Ili re-enterigis la sakon ekster la ĝardeno dirante: "Ni estu pli saĝaj loĝantoj!"

Reenirinte la ĝardenon,sur la pinto de la nova turo ili levis la flagon.

"Ni regas super la telo kaj la kastelo! Ĝi fariĝis nia hotelo! Jen la flago kiu pruvas tion." fanfaronis PaĉOriolo.

"Ni dankas al la kanoj. Ili estas ruitaj, truitaj, detruitaj." ĉirpis TriOriolo.

"Kaj ni..." aldonas KvarOriolo: "estas instruitaj!"



*Jen fabelo kiu helpos vin solvi enigmon kaj gajni premion. Kiel? Pensu!*

Árpád Rátkai

④

# Bildoj el la historio de ESPERANTO

## IV. Kiu estis Lazar Markoviĉ Zamenhof?

(Belostoko, 15-12-1859; Varsovio, 14-04-1917)



En Rusa Imperio en la 19-a jarcento oni severe, ŝtate registris la personajn nomojn, ĉar ili estis bazaj elementoj de la konskripcio. La plena nomo (bapto-nomo + patra nomo + familia nomo) de *Lazar Markoviĉ Zamenhof* aludas al lia patro, ja la dua nomo signifas „filo de Marko". La patro, Mark Fabianoviĉ Zamenhof estis instruisto pri lingvoj kaj geografio. El la dua nomo de Marko oni povas konkludi, ke lia patro, t. e. la avo de Lazar, estis Fabian.

Krom la oficiala, rusa matrikulo estis ankaŭ juda en la sinagogo, kie oni alimaniere registris la nomon de L. M. Zamenhof. Poste en diversaj dokumentoj la du nom-formojn oni jen miksis, jen skribis erare kaj ofte transskribis inter kvar alfabetoj (rusa, hebrea, latina, gota) farante novajn nom-variantojn kaj novajn erarojn.

Krome Zamenhof uzis dekduon da plum-nomoj. El tiuj elstaras *D-ro Esperanto*, ja tiun lastan vorton la Internacia Lingvo spontane prenis por si kaj fariĝis ĝia sinonimo. Alia interesa plumnomo estis Ludoviko, kiun li uzis en la periodo 1905-1917 anstataŭ Markoviĉ. Ofta falso-faro estas „retronomi" lin kun tiu plumnomo antaŭ la jaro 1905, foje eĉ ekde lia naskiĝo. Ludovikon oni tradukis al Louis, Ludwik, Lajos, Ludovicus ktp. En divers-lingvaj enciklopedioj, man-libroj ktp., tamen plej ofte aperas Ludwig. Studado de plumnomoj estas utila afero, sed falsa informo estas prezenti iun ajn el ili ne kiel plumnomon, sed kiel propran nomon.

Ankaŭ pri lia naskiĝloko disvastiĝis malprecizaj, falsaj informoj. Li naskiĝis en la rusia urbo Belostoko, en la gubernio de Grodno. Tiu urbo nur post la morto de Zamenhof (1918-1939) apartenis kaj definitive ekde 1946 apartenas al Polio kun la nomo Bjalistoko (Białystok). Do, same kiel la imperiestro Marcus Aurelius naskiĝis ne en la hungaria Budapeŝto, sed en la romia Aquincum, tiel L. M. Zamenhof ne en la polia Bjalistoko, sed en la rusia Belostoko.

Ofta falso-faro estas nomi lin polo. Kvankam li estis kuracisto plej longe en Varsovio, li restis rusa (aŭ rusiĝinta) judo. Li ne estis religiema, sed lia unua lingvo estis la jida, lingvo de

la orienteŭropaj judoj. Lia patrino parolis bone nur en tiu lingvo. Li eĉ verkis jidan gramatikon. Tamen, lia familia lingvo estis la rusa, kiun lia patro trudis al ĉiuj. Li intence kaj sukcese igis sian familion asimiliĝi al la cirkonstancoj kun la intenco eviti kontraŭjudan diskriminacion. Lazar deziris fariĝi rusa verkisto kaj dum siaj studentaj jaroj en Moskvo li publikigis rusajn poemojn.

Jam en sia infan-aĝo en la stratoj de la etne bunta Belostoko li ekkonis la lingvojn polan kaj germanan, eĉ iom ankaŭ aliajn. Li private ellernis la antikvajn hebrean, grekan kaj latinan bonege, kaj en siaj gimnaziaj jaroj la francan kaj la germanan perfekte, legis angle, itale k.a. Sed diference de aliaj poliglotoj kaj lingvo-geniuloj li iĝis lingvo-krea geniulo.

Tio okazis pro pac-ideo. Spertante malamon inter la diverslingvaj komunumoj li venis al la sama konkludo kiel Komenio 300 jarojn pli frue. Pleje internacia lingvo povas garantii internacian kaj la interetnan (ene de unu imperio) pacon kaj kunlaboron. Jam en siaj gimnaziaj jaroj obsedis lin la realigo de tiu pac-ideo, sed nur en 1887 li lanĉis la projekton de Internacia Lingvo.

*aludi:* nerekte sciigi / *diskriminacio:* senrajta distingo laŭ iu propreco / *gubernio:* administra lando-parto / *judo:* ano de gento, vivanta en Israelo kaj en aliaj landoj / *konkludi:* veni al logika sekvo / *konskripcio:* sistemo de soldat-servo / *matrikulo:* listo de naskitoj, ekz. / *obsedi:* prem-okupi ies pensojn / *periodo:* tempo-daŭro / *poliglote:* multlingvulo / *trudi:* devigi iun akcepti ion.

## Frandaj esprimoj kun MONO

**disipi monon** *(facil-anime elspezi)*
**la monujo malpleniĝis**
*(ne plu havi monon por aĉeti)*
**akcepti ion kiel monon kontantan**
*(plen-fidi ion)*
**ne domaĝi monon, nek penon**
*(sin-dediĉe labori por io)*
**mono estas reĝo, mono estas leĝo**
*(mono regas ĉion)*
**lia poŝo preskaŭ krevas de mono**
*(li estas riĉega)*
**mono ĉe li ne ripozas longe**
**el lia mano ĉiu monero elglitas**
*(li senpripense disipas sian monon)*
**mono ĵetita en maron**
*(senpripense elspezita mono)*
**pli da mono, pli da zorgoj**
*(pro riĉeco havi multajn zorgojn)*
**havi pli da mono ol da bezono**
*(havi pli ol necese)*
**li ĉasas ĉiam monon**
*(por li gravas nur riĉiĝo)*
**mono monon naskas**
*(kiu jam havas, facile riĉiĝas)*
**mono sian devenon ne diras**
*(oni ne atentas pri la deveno de riĉeco)*
**Mono havata estas pli grava ol mono havita.**
*(Iama riĉeco nun-tempe ne multe valoras.)*
**Amu Antonon, sed gardu vian monon.**
*(Ne estu facil-anime kredema.)*
**Mono mondon regas.**
*(Sen mono neniu prosperas.)*

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Kion aĉeti?

– Ĉu vi deziras iri kun mi al la supervendejo? Mi volas fari aĉetojn por la morgaŭa festo-tago.
– Certe, volonte! Eĉ, la patrino petis min replenigi la kameron per sukero, faruno... ŝi donis al mi liston. Ni povos aĉeti tie ankaŭ viandon.
– Ne, ĝin prefere ĉe la buĉisto, en la proksima strato! Iliaj varoj estas pli freŝaj. Kutime ankaŭ legomojn kaj bakaĵojn mi aĉetas ali-loke, en legom-vendejo kaj en pan-vendejo, al kiu apartenas ankaŭ bakejo.
– Pri kiu menuo vi pensis por la festotago?
– Mi faros sandviĉojn, bakos kukon, estos fruktoj... Sed vidu, tie estas faruno, kiom da saketoj preni?
– Prenu du, kaj ankaŭ du kilogramojn da rizo! Ĉu vi ne vidas, kie troviĝas sukero?
– Jen ĝi! Aŭ ĉu vi deziras pulvorigitan?
– Mi aĉetos ambaŭ po unu kilogramo. Ni ofte uzas suker-pulvoron. Mi bezonas ankoraŭ du botelojn da oleo, por matenmanĝo iom da konfitaĵo, mielo, lakto... Mi rigardos la liston, kiom da lakto aĉeti: 10 skatolojn. Ĉu vi ne bezonas fromaĝon?
– Ho, jes! Mocarelon, kaj ankaŭ iun pli malmolan, eble grujeran. Kaj mi bezonas ankaŭ malgrandan skatolon da dolĉa kaj glason da acida laktokremo, paketon da butero, kaj tubon da majonezo. Mi prenos ankoraŭ dek ovojn, skatolon da kakao-pulvoro, por la kuko juglandon kaj migdalon po ducent gramoj en saketoj. Nu, mi finis! Kolbason, ŝinkon mi aĉetos ĉe la buĉisto. Kaj ĉu vi?
– Atendu, mi prenos ankoraŭ kelkajn paketojn da spicoj: bazilion, majoranon, laŭron, muelitan cinamon... Panjo ne uzas preparitajn spic-miksaĵojn. Mi akiros ankoraŭ sengasan mineral-akvon, dekdu botelojn po du litroj. Ĉu vi ne deziras vinon aŭ ĉampanon, ŝaŭm-vinon aŭ kokakolaon?
– Mi ne regalos la gastojn per kokakolao, ĝi efikas malutile por la sano.
– Sed vinon, jes. Rigardu: duonseka blanka vino, ĉu mi prenu ĉi tiun aŭ tiun ruĝan?






– La blanka pli harmonias kun sandviĉoj.

– Krom vino ni trinkos vermuton, hejme mi havas unu plenan botelon. Krome estos akvo, frukto-suko kaj infuzaĵo.

*– Kie vi preferas fari aĉetojn? Ĉu en supervendejo, aŭ en malgrandaj tradiciaj vendejoj? Ĉu vi povus diri, kiuj vendej trovîĝas en via ĉirkaŭaĵo? Kion vi kutimas aĉeti? Kiel vi elektas la varojn? Ĉu vi kutimas kontroli la lim-daton de garantio? Ĉu vi kontrolas la ingrediencojn, el kiuj la manĝaĵo estas farita?*

*– Kiujn spicojn vi uzas, kiel ili estas pakitaj en via lando?*

*– Preparu esperant-lingvan aĉet-liston, kaj ne forgesu pri la kvanto!*

## II. Ĉe la kaso



– Ho, kiel longa vico! Ni iru al la alia kaso! Mi pagos per bankkarto, kaj tie staras nur kvar homoj.

– Mi preferas pagi kontante... Mi ne povas sekvi kiom da mono mi havas en mia konto, krome pagi per karto estas pli longa procedo.

– Tute ne! Rigardu: mi metas sur la rulbendon la varojn, kaj dum la kasistino enigas ties prezojn, mi trovas en la monujo la bankkarton. La kalkulilo adicias la sumojn, kaj tiu eta aparato kontrolas mian karton.

– Bonvolu premi la verdan butonon por indiki, ke vi konsentas pri la sumo. Kaj nun entajpu vian sekretan kodon, jes, kaj nun denove la verdan butonon. Jen viaj kvitanco kaj karto. Mi dankas pro la aĉetado.

– Vidu, tiel simpla estis la afero. Mi atendos vin ekstere. Ne forgesu repreni la moneron el la ĉareto!

*Ĉu vi kutimas pagi per bankkarto aŭ kontante? Kial vi preferas tiun pagmanieron al la alia?*

*Imagu situacion kaj faru dialogon pri tio, ke vi forgesis hejme vian monujon, kaj vi rimarkis tion nur post la aĉetado, ĉe la kaso! Aŭ... ĉu jam vere okazis al vi io simila?*

*buĉi:* mortigi beston / *kamero:* senfenesrta ĉambreto por rezervi aĵojn / *menuo:* aro da manĝaĵoj pretigitaj, mendeblaj / *pulvoro:* fajna muelitaĵo / *ŝinko:* femuro de dom-besto / *tajpi:* maŝin-skribi.

El

# LA TRADICIOJ de popoloj

Nguyen Thi Ngoc Lan

## HISTORIO DE BETELO KAJ AREK-NUKSO



„Betelo kaj areknukso" estis iam interesa temo por diversaj art-verkoj. Temas pri emociiga dramo simbolanta ardan amon, geedzan fidelecon kaj firman fratecon.

Sub la regado de la kvara reĝo Hung[1], harmonie kunvivis du fratoj, nomataj Tan kaj Lang. Ili estis belaspektaj kaj tre similaj. Perdinte la gepatrojn en sia knab-aĝo, ili kompensis unu la alian per arda frata amo.

Ili ambaŭ enamiĝis al la bon-kora kaj belega filino de sia instruisto. Ŝi reciprokis ilian amon, sed deziris edziniĝi kun la pli aĝa frato. Ŝi ne povis distingi ilin unu de la alia, sed ne decis demandi pri tio. Kion do fari? Ŝi simple observadis ilin, kaj dum iu manĝo ŝi rimarkis, ke unu pasigis manĝobastonetojn al la alia[2]. La lasta estis do Tan, la pli aĝa frato. Ŝi elektis do lin kun la konsento de la gepatroj.

Ili geedziĝis kaj kunvivis en plena feliĉo. Lang, la malpli aĝa frato, kunloĝis kun ili. Li malĝojetis, ĉar la amo de lia frato estis dividita inter lia edzino kaj li. Fakte, Tan iom neglektis lin. Lia malĝojo pliiĝis post bedaŭrinde serioza okazaĵo.

Iun vesperon Lang revenis hejmen antaŭ Tan. Kaj ĉar estis mallumo en la domo, lia bofratino, preninte lin kiel Tan, brakumis lin. La edzo, kiu aperis tiam, ekvidis ilin. Lia miskompreno ŝokis Lang, kiu ne povis konvinki sian fraton.

Lang tiel suferis, ke li forlasis la domon sen diri ion ajn al Tan, kun la intenco kaŝi sian suferadon en iu fora loko. Li trairis arbarojn kaj deltojn, kaj alvenis al river-bordo, kie li falis pro laceco. Longe li ploradis, kaj nokte mortis pro malsato, laceco, malvarmo kaj kor-doloro. Tieaj genioj[3] kompatis lin kaj transformis lin en kalko-rokon.

Pro konscienc-riproĉo kaj sopiro al

sia frato, Tan forlasis sian dormantan edzinon kaj ekiris serĉi lin. Post longa marŝado li alvenis al granda roko, klopodis grimpi ĝin, esperante vidi iun por informiĝi. Sed, pro laceco kaj malsato li mortis kun siaj brakoj kroĉitaj al la roko. Li estis ŝanĝita de genioj en rektan kaj sveltan arbon, kiu havas sur sia pinto foliojn en formo de ventumiloj.

Dume lia edzino atendadis lin kun maltrankvilego, sopiro kaj malpacienco. Fine, ŝi ne povis plu atendi, ekvoj-iris por serĉ-esplori lian spuron kaj tiun de Lang. Ŝi marŝadis dum longa tempo, kaj alvenis al la loko, kie ŝi vidis la arbon starantan sur la roko. Ŝi estis tiel laca, ke ŝi ĉirkaŭbrakis la arbon por ne fali, kaj tuj mortis. Genioj transformis ŝin en grimpo-planton.

Tiel mortis ĉiuj tri herooj de la amdramo. Klera kaj virta maljunulo, kiu emociiĝis pri ilia admirinda amo, konstruigis templon por ilia honoro. Tiutempe okazis en la tuta lando terura sekeco, kiu forbruligis la kreskaĵojn escepte de la miraklaj arbo kaj liano.



Aŭdinte la strangan rakonton, la tiama reĝo Hung iris tien por propraokule vidi la strangaĵojn[4]. Al la soldatoj li ordonis deŝiri nukson de la arbo kaj pluki kelkajn foliojn de la liano. Maĉinte ilin kune, li sentis agrablan odoron en sia buŝo kaj varmecon en sia korpo. Li surpriziĝis vidante, ke lia salivo, falinta sur la rokon, estis tute ruĝa[5].

De tiam aperis la kutimo (kiu fariĝis nacia tradicio) maĉi betelon kaj areknukson (mallonge – betelon). En diversaj ceremonioj honore al sanktuloj kaj praŭloj, en tiuj de funebro, fianĉiĝo, geedziĝo, gratulo al grandaĝuloj (ĉefe al 70-jaraj homoj) la ĉeestantoj maĉas betelon. Iam junulinoj



donis betelon al siaj elektitaj fraŭloj anstataŭ fari am-deklaron kaj promeson. Kiam vizitantoj venas al ies domo, ties gemastroj regalas la gastojn per teo kaj betelo. Laŭ popol-diro betelo faciligas la konversacion.

Betelo havas siajn efikojn. Antaŭ longe, kiam lip-ruĝigilo ankoraŭ ne estis vendata, koketaj fraŭlinoj maĉis ĝin por ruĝigi siajn lipojn. Ĝi varmigas la korpon vintre, fortigas la den-

tojn kaj preventas karion. Tiuj, kiuj emas maĉi betelon, ne fariĝos sendentaj maljunuloj. Multaj vjetnamoj (ĉefe vilaĝanoj) de la generacio de miaj gepatroj nigre tinkturis siajn dentojn. Nigraj dentoj de belulinoj estis prikantitaj.

Bon-edukitaj filinoj en malnova tempo devis lerni la manieron prepari betelo-maĉaĵon. Unue oni prenas verdan betelo-folion, sur kiun oni metas blankan peceton de areknukso kaj iomete da kalko, poste oni volvas ĝin kiel cigaredon. Po 5 aŭ 10 ili estas aranĝataj sur plado aŭ en ronda kesteto.

Nun-tempe maljunaj vilaĝanoj daŭre praktikas la kutimon maĉi betelon, sed malmulte da urbaj maljunuloj konservas ĝin. Tamen betelo kaj areknukso estas nemalhaveblaj apartenaĵoj en ceremonioj de fianĉiĝo kaj geedziĝo. Pri tio jene atestas versaĵeto:

Verdaj betelo-folioj
Kun blankaj areknuksoj
Kaj iomete da kalko
Kontribuas al geedza kor-ligiteco.

1 *Vjetnamio estis fondita de reĝo Hung kaj regata sin-sekve de dek ok reĝoj el la sama familio. Ili ĉiuj havis la saman nomon Hung.*

2 *Vjetnamoj donas prioritaton al pli aĝaj homoj por esprimi sian respekton.*

3 *Genioj estas diaĵoj, zorgantaj pri la homoj.*

4 *La arbo estas areko kaj la liano estas betelo.*

5 *Maĉado de betelo venigas en la buŝon malhele ruĝan salivon (kiun oni glutas aŭ kraĉas en specialan ujon). Se kalko mankas el betelo-rulaĵo, tia salivo ne aperas.*

*areko:* speco de arbo / *betelo:* speco de grimpo-planto / *emocii:* forte tuŝi la animon / *grimpi:* pene iri rekte supren / *harmonio:* plaĉa aranĝo de unuopaj partoj / *kalko:* CaO / *kario:* putra difektiĝo de dento, osto / *koketa:* plaĉi-vola / *kompensi:* kontraŭpezi ion per io / *konscienco:* konscio pri morala devo / *kraĉi:* elbuŝigi salivon / *maĉi:* dispremi per dentoj / *neglekti:* lasi neatentata / *nukso:* frukto kun malmola ŝelo / *pluki:* deŝiri per fingroj / *salivo:* fluaĵo en la buŝo / *simbolo:* verda stelo estas simbolo de Esperanto, ekzemple / *sopiri:* deziregi reakiri ion perditan / *svelta:* harmonie maldika / *ŝoki:* ĉagrenegi / *tinkturo:* fluaĵo por kolorigi harojn, ekzemple.

## Bonan nokton

(Lul-kanto el Ĉado, Afriko)



# Enigmaj vort-ludoj por progresintoj

de s-ino Saranath, Hindio

1. Kiu floro fieras pri eminenta nepo?
2. Kiu popolo estas la plej pura?
3. Kial fervora esperantisto similas al taso?
4. Kiu urbo havas grandan literaturon?
5. Kial magneto similas aviadilon?
6. Kiu oficisto similas al nekonata melodio?
7. Kial li ne volas edziĝi al mesaĝistino?
8. Kial viro kun labor-amiko similas ĝirafon?
9. Kial vi ne volas aŭdi la versaĵon de kato?
10. Kiun floron preferas komercisto?
11. Kial ne metu du komojn sinsekve?
12. Per kiu litero oni povas fari juvelon?
13. Kial vi amas tiun kantiston?
14. Kion diras vespo, kiam ĝi pikas?
15. El kiu vorto kvar-litera, post forpreno de unu litero, restas nur unu ?

*Se vi ne divenis ĉiujn solvojn, iru al paĝo 13.*



## Solvoj

**Kiu estas la ŝtelisto?** (p. 10) *Ĉar Bocoa kaj Coabo estas en kontraŭdiro, tial unu mensogis kaj alia diris la veron. Sed ni scias ke du el ili mensogis kaj pro tio Aboco estas alia mensoginto, kiu sekve estas la kulpa.*

**Testo** (p. 49) **1** - iom, **2** - ties, **3** - kiu, **4** - tie, **5** - Kiam, **6** - ĉiuj / iuj, **7** - kies, **8** - tiajn / tiujn, **9** - Kion, **10** - tiun, **11** - ĉiuj, **12** - ĉiam / ĉiuj, **13** - tia / tiu, **14** - neniu, **15** - ia / (iu), **16** - nenies / neniu, **17** - Kia, **18** - Kiom, **19** - Tiom, **20** - kiom, **21** - kiuj, **22** - tiel, **23** - kiel, **24** - tio, **25** - tiel

# Malnova v

Malrapide mi malfermas la okulojn kaj laŭ-kutime etendas la manon al la tableto apud la lito. Mi ektuŝas la horloĝon – estas la kvina matene! Tempo por ellitiĝi. Mi volas klarigi, ke la rakonto temas pri evento, kiu okazis antaŭ multaj jaroj, kiam mi laboris malproksime, en ŝip-farejo de Buenos Aires trans la maro.

Mi loĝis en malgranda ĉambro kune kun junulo. Hodiaŭ mi memoras nur tion, ke lia nomo estis Kurt Langer kaj ke li devenis de norda Germanio. Ni bone toleris unu la alian. Kurt estis bonulo, escepte de tio, ke li ne ŝatis ellitiĝi.

„Do, via moŝto, ĉu vi ne bon-volas ellitiĝi?" mi ŝercas kaj skuas lin.

„Kio estas?" ekdiris Kurt.

„Estas vendredo, la 22a de junio, la kvina horo kaj..."

„Diablo prenu tiun malnovan vekhorloĝon...! Pro Dio, mi ja je la kvina jam devus esti en la haveno, mi jam aŭdas la parolaĉojn de mia ĉefo!"

„Aŭskultu, Kurt, nun vi tion jam ne savos. Je la kvina vi certe ne estos tie. Kial vi, finfine, ne aĉetas taŭgan vekhorloĝon, kiun vi povas fidi!"

„Tiun ladan aĉaĵon mi prenos kaj..." La koleriĝinta Kurt kaptas la vekhorloĝon kaj etendas la manon, kvazaŭ li volus ĝin ĵeti kontraŭ la muron. – Crrrrr! La sonorilo penetreme eksonas kaj Kurt turnas sin al mi: „Jen vidu! Kiam mi volas forĵeti ĝin, ĝi vokas pri helpo." En tiu momento liaj vortoj estis interrompitaj en terura maniero.

En la ĉambron flugis eroj de la disrompita fenestro kaj la plankon kovris vitreroj! La fenestro abrupte malfermiĝis kaj la bildo, kiu prezentas iun parencon de nia dommastrino, falis de sur la muro. En la ĉambron eniĝis ventego – kaj nun – terura krako – eksplodo!



Salte mi estas ĉe la fenestro. Nenio estas videbla, nur ĥaosa kriado kaj vokado de homoj sur la strato. Tuj ni ambaŭ ekkuras eksteren. Kurante unu apud la alia, ni kuras tra la strato Paseo Chulio al la haveno. Ŝajnas, ke la eksplodo okazis en la proksimeco de nia Prudencia! Kurt laboras sur malgranda rivera vaporŝipo, kiu apartenas al unu el la plej riĉaj viroj de la mondo, al ŝipposedanto Mihonoviĉ. Li posedas multajn ŝipojn, kiuj veturas sur la rivero La Plata. Unu el ili transportas konstrumaterialon kaj veturas ĉiun duan tagon proksimume 100 kilometrojn en la land-internon, kie oni konstruas

grandan baraĵon kun elektro-centralo. Sur tiu ĉi ŝipo laboras Kurt kiel maŝinisto.

Ju pli ni proksimiĝis al la haveno, des pli evidentas, estis la spuroj de la eksplodo. Nek unu fenestro, nek unu montro-fenestro, kiuj ne estis kovritaj per feraj aŭ lignaj ŝirmiloj, restis sendifektaj. Kelk-foje eĉ tuta domo estis sen kalkaĵo! Preskaŭ senspiraj ni staris antaŭ policaj gardistoj.



„Sinjoro, mi devas iri en la havenon, mi estas maŝinisto kaj post dek minutoj ekveturos mia ŝipo!" postulas Kurt. „Mi bedaŭras, sed neniu rajtas trapasi!" Ni provis ankoraŭ en aliaj lokoj eniri la havenon, sed vane.

Post kvaron-horo venis al la haveno du taĉmentoj da soldatoj kaj forpelis la homojn de la stratoj. Restis nenio alia krom obei la ordonon – foriru! – kaj iri. Ni eksciis nur, ke eksplodis iu ŝipo, kaj tio estis ĉio. Ĉie oni parolis nur pri la matena okazaĵo.

Baldaŭ aperis en la stratoj la gazetvendistoj kun speciala eldono. EGA EKSPLODO EN LA SUDA HAVENO! Mi legas la titolon presitan per grandaj literoj.

„Hodiaŭ matene, kelkajn minutojn post la kvina horo en la suda haveno okazis terura katastrofo. El nekonata kaŭzo eksplodis kargo de dinamito, kiu estis destinita por disŝiro de rokoj ĉe la konstruado de la akva baraĵo sur la rivero La Plata.

La ekspodaĵo troviĝis sur la vaporŝipo Prudencia. La tuta ŝipanaro, entute dudek viroj, pereis ĉe la katastrofo. La ŝipo estis laŭvorte dispecigita kaj inter la mortintoj oni sukcesis rekoni nur kelkajn virojn. La aliaj, inter ili la maŝinisto Kurt Langer, ne estis trovitaj."

Silente mi metas la gazeton antaŭ Kurt, kiu eldiras nur kvar vortojn: „Mia – kara – malnova – vekhorloĝo!"

Tradukis: *Dieter Berndt, Germanio*

*abrupte:* subite, sen preparo / *dinamito:* eksplodaĵo / *ĥaoso:* plena malordo / *kalko:* CaO / *kargo:* aĵoj por transportado / *krako:* laŭta ekbruo de io / *lado:* maldika plato el metalo / *penetri:* energie, forte eniĝi / *perei:* perdi la vivon / *taĉmento:* soldata grupo.

**Kial kato ne volas sin lavi**

Kato antaŭ kuv' malĝoje
sidas, emas al forsalt':
provu mem almenaŭ foje
lavi vin en fela palt'!

*Valentin Melnikov*

# VERDA PAĜO

## FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO

**Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte faras al ni demandojn, kiujn – pro manko de sperto – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj respondojn.**

## Esperanto – protektanto de etnaj lingvoj

***Sci-volulo:*** Kara Ĉef-komputila Moŝto, ĉu vi havas tempon paroli ankoraŭ-foje pri tio, kiel Esperanto povas servi kiel protektanto de etnaj lingvoj?

***Ĉefkomputila Moŝto:*** Ho, jes. Tre volonte, des pli, ke la temo estas grava kaj tre aktuala. Nun-tempe ĉiu-jare mortas kelkaj lingvoj de malgrandaj etnoj.

***S:*** *Mi aŭdis pri tio. De jar-miloj, iuj popoloj deziras superregi aliajn. Sed pri tio* la lingvoj ne kulpas.

***Ĉ:*** Laŭforme vi pravas. Sed vi forgesas pri tio, ke lingvo kaj komunumo parolanta ĝin praktike estas nedisigeblaj. Lingvo estas pli ol vortoj kaj gramatikaĵoj, ĝi estas portanto de la tuta kulturo, vivstilo de la parolantaro.

***S:*** Kaj ĉu Esperanton ne karakterizas tiu sama propreco?

***Ĉ:*** Jes kaj ne. Jes, ĉar ankaŭ Esperanto estas lingvo vivanta kaj ĉar neniu lingvo estas escepto. Tamen, bonvolu preni en konsideron, ke ĉiu nacio emfazas siajn pozitivajn ecojn kaj provas altrudi sian ideologion al aliaj popoloj. Pri tio atestas militoj kaj politiko celantaj subpremi popolojn kun malsama opinio.

***S:*** Kaj lernante nacian lingvon, la lernanto vole-nevole alproprigas la ideologion, kulturon de la koncerna popolo.

***Ĉ:*** Ĝuste. Ĉiu postulas al si privilegion kaj forgesas pri egaleco, demokratio. Sed Esperanto, estante neŭtrala lingvo ne ligiĝas firme al tiu aŭ alia nacia kulturo, sed al ĉiuj, sekve la kerno de ĝia idearo povas esti nur komprenemo, paco, solidareco.

***S:*** Vi asertas, do, ke per ekskluziva instruado de la naciaj lingvoj kaj kulturoj vole-nevole oni dissemas naciismon, sed per la neŭtrala lingvo oni disvastigas internaciismon. La lingvo povas do servi kiel grava edukilo por efektivigi la tutmonde deziratan pacon.

***Ĉ:*** Kaj krome, ĝi garantias la konservon de la naciaj lingvoj kaj kulturoj, ĉar la formorto de iu ajn el ili malriĉigas la kulturon de la homaro. Esperanto ne havas sencon sen mult-kultura mondo, ne povas akcepti la superecon de tiu aŭ alia kulturo. Pluraj nacioj ŝajnigas, ke ilia kulturo staras alte super la ceteraj. Kaj tio estas kredigebla, se oni instruas preskaŭ nenion pri la

kulturo de la najbaraj popoloj, ekzemple, aŭ pri tiuj de siaj propraj minoritatoj. La esenco de Esperanto estas malfermi fenestron al ĉiuj popoloj sendistinge, ĉar ni ĉiuj estas fratoj, ne identaj, sed tre similaj kaj neniu havas la rajton altrudi sian ideologion aŭ lingvon, ĉar tio ĉiam kondukas al pereo.

*S:* Ĉiu devas do havi almenaŭ du lingvojn: la gepartan por siaj proksimuloj kaj la neŭtralan supernacian por la ceteraj. Sed se oni volas profunde konatiĝi kun iu speciala kulturo, ŝi / li bezonas la alproprigon de nacia lingvo, portanto de la koncerna kulturo.

*Ĉ:* Jes. Kara Scivolulo, vi vidas klare la esencon de la internacia lingvo.

*Geza Kurucz*

*ekskluziva:* neebliganta alian / *emfazi:* prezenti kiel tre gravan / *garantii:* promesi, ke io certe okazos / *kerno:* esenco (ĉi tie) / *minoritato:* malpli-multo parolante pri etno / *perei:* morti, neniiĝi, malestiĝi / *privilegio:* nedemokratie akirita avantaĝo / *solidara:* respondeca pri aliuloj.

# *Senafekte pri art-verko*

*Laŭ la teksto de franca verkisto Denis* DIDEROT *[Didro], 1713-1784**

La familianoj demandis al junulo, kiel pozu la patro – kiu estis forĝisto – en portreto.

„Metu sur lin", diris la junulo, „lian labor-veston, lian forĝo-ĉapon kaj lian antaŭtukon. Tiel mi vidos lin starantan apud lia stablo, dum li tenas en la mano lancon aŭ alian ferajôn, por forĝi aŭ akrigi ĝin. Kaj, precipe, ne forgesu, ke li havu siajn okul-vitrojn sur la nazo."

Tiu propono ne estis akceptita de la familianoj. Post kelka tempo, ili sendis al li bel-artan tut-personan portreton pri lia patro kun pompa peruko, bela vesto, blankaj ŝtrumpoj kaj kun riĉa tabakujo en la mano. La junulo, kiu havis malfalsan guston kaj ver-amon en sia karaktero, dankante al sia familio li diris:

„Vi ne faris – nek vi, nek la pentristo – ion valoran. Mi deziris portreton pri mia ĉiu-taga patro, kaj vi sendis al mi nur portreton pri mia dimanĉa patro!"

Tradukis: *Yvette Brion-Kervella, Francio*

* Noto de la tradukistino: Estas dirinde, ke temas pri la verkisto Diderot mem kaj pri la portreto de lia patro.

*afekti:* ŝajnigi per nenaturaj manieroj / *lanco:* longa armilo kun arkra pinto / *peruko:* arte-tarita hararo / *pompo:* riĉe ornamita vidaĵo, aspekto / *portreto:* bildo prezentanta personon / *pozi:* preni specialan, ne tute naturan teniĝon / *stablo:* tablo por metia laboro.

# LINGVA DOKTORO

H

## Infinitivo

Infinitivo estas la vortara formo de la verboj. Ili esprimas agon aŭ staton ĝenerale: *iri, sidi, legi...*

En la frazo ĝi povas esti **subjekto** (tio, pri kio oni konstatas ion). La demandon, ekzemple, *Kio estas agrabla?* oni povas respondi du-maniere: *Ekskurso (estas agrabla).* Aŭ: *Ekskursi (estas agrable). Lerni Esperanton estas facile.* (Atentu, ke en tiuj okazoj la predikativo hahavas adverban formon: -e!) *Restis al mi forkuri. Danci kun vi estas ĝojo por mi.*



Pli ofte oni renkontas infinitivon kiel predikaton (tio, kion oni konstatas pri io), precipe, kiam oni deziras esprimi dubon, necertecon. Ekzemple: *Kiel alparoli ŝin? Kion diri al la panjo? Nu, kiam komenci, do, la atakon? „Esti aŭ ne esti", Ĉu diskuti aŭ labori?* Anstataŭ volitivo (u-formo) foj-foje oni uzas infinitivon por esprimi koleron, severecon, netoleremon: *Ne kriaĉi! Eliri! Klaso, ne plu babilaĉi! Silenti! Eva, formeti ĉion de sur la tablo!* Sed ne forgesu, ke tio estas neĝentila formo!

Plej ofte oni trovas infinitivon post la help-verboj: voli, devi, povi, bezoni: *Mi ne povos ĉeesti. Ŝi volis helpi nin. Ni devos labori ĝis la 6a horo. Li ne bezonis korekti la taskon.* Ekzistas ankaŭ aliaj verboj kun infinitivo. Vidu la ekzemplojn: *Mi timis kontraŭdiri. Ili ŝatas spekti televidon. Ŝi ne scias naĝi. Vi promesis solvi mian taskon. Permesu al mi televidi...* En tiuj frazoj infinitivo aperas kiel rekta objekto (kion oni volas / devas / povas...).

Post kelkaj substantivoj oni ofte trovas infinitivon por esprimi celadjekton (por kio). Jen ili: ***tempo** (por) ripozi / labori..., **okazo** amuziĝi / demandi / refreŝiĝi..., **ebl(ec)o** vojaĝi / partopreni / decidi..., **ŝanco** viziti Islandon / partopreni konkurson..., **permeso** stiri aŭtomobilon / viziti ekspozicion...*

Per infinitivo oni povas koncizigi subpropoziciojn de la tipo: iu **petis** lin, ke li venu... > iu petis lin **veni**... Ekzemploj: *Ni **petis** ŝin telefoni al ni. **Lasu** min dormi. Li ne lasis min fali.*

*Geza Kurucz*

## Testo



### *Kompletigu la frazojn per tabel-vortoj!*

Antaŭ _(1)_ pli ol unu semajno mi estis en la ĉefurbo de Futbalujo kaj vizitis _(2)_ plej grandan stadionon, _(3)_ troviĝas en la centro de la urbego. Ne malproksime de _(4)_ staras la parlamentejo konstruita en Ronaldinja stilo.

_(5)_ la teamo „Nevenkebluloj" de la ĉefurbo malvenkas (pro evidenta malsimpatio de la ludestro), tuj post la matĉo _(6)_ tumultiĝas sur la ĉefplaco antaŭ la parlamentejo por protesti kontraŭ la agado de siaj fuŝparlamentanoj, _(7)_ mispolitiko rezultigas _(8)_ malvenkojn. _(9)_, do, fari? Ili postulas duobligon de la subvencioj por futbalo kaj _(10)_ de la salajroj de _(11)_ fidelaj zelotoj, memkompreneble.

Antaŭ la matĉoj la zelotoj _(12)_ pufigas al si la kapon (pleje sukcesas malplenkapuloj, zelotoj kun ovo-formaj kapoj ne estas fidindaj!) kaj ŝminkas ĝin piedpilk-forma. Sen _(13)_ ŝminko _(14)_ rajtas okupi sid-lokon en la sektoro de la zelotoj. Prezentu al vi, ke fi-zelotoj de la rivala teamo ŝminkaĉas sin per _(15)_ hel-ruĝa koloro, sed _(16)_ kapo estas pilkigita! _(17)_ idiotaĵo!

_(18)_ da spektantoj kutimas ĉeesti?

_(19)_, _(20)_ da homoj loĝas en la urbo, inkluzive bebojn kaj kelkajn hundojn, _(21)_ _(22)_ same deziras matĉojn _(23)_ viandaĵon aŭ oston. Ne forgesu, ke _(24)_ estas patriota devo laŭ nia _(25)_ nomata Futbaluja Konstitucio.

*La solvojn vi trovas sur paĝo 43.* *Se vi bone solvis la taskojn (super 70%) ne forgesu premii vin per bon-gusta vesper-manĝo.*

*bebo:* suĉ-infano / *idioto:* malsaĝegulo / *konstitucio:* baza leĝaro de ŝtato / *matĉo:* sport-ludo de du teamoj / *parlamento:* politikistaro, elektita de la popolo / *stadiono:* futbalejo kun ŝtupare lokitaj sid-lokoj ĉirkaŭe / *stilo:* difinita formo karakteriza al iu epoko, artisto; prezento-maniero / *subvencio:* mon-helpo / *teamo:* grupo de kunludantoj / *tumulto:* granda kaj brua hom-amaso / *zeloto:* homo, kiu estas arda adepto de iu ideo, teamo.

# ROLLUDI SENKVERELE

En la lasta numero mi prezentis rolludojn. Jen la daŭrigo. Por eviti tro da kvereloj kaj ludi sen miskomprenoj vi devos sekvi kelkajn regulojn. Vi povas aĉeti regullibron – ekzistas pluraj kiuj estas bonaj. Ili prezentas regulojn pli preskaŭ ĉio, kelk-foje eĉ pli ol vi bezonas. Kiel ekzemplo: *Dungeons & Dragons* (Kel-karceroj kaj Drakoj) ĉe <www.wizards.com/dnd>

Se vi preferas, vi mem povas decidi la regulojn, sed ne forgesu klarigi ilin al la aliaj ludantoj. Mi proponas skribi tekstojn pri: la imagata mondo, la vivantaro de la mondo, mono, malamikoj kaj iliaj ecoj, eblecoj evoluigi la personon kiun oni ludas, la ludeblaj specioj, bataloj, magio. Estas tre grave precize difini la rolojn. Mi proponas difini: la viv-forton aŭ sanon (ĉi tio ĉefe gravas ĉe bataloj), ĉefajn kapablojn, ecojn, aspekton, magiajn kapablojn, ekipaĵojn kaj pri kio la rolulo estas spertul(in)o.

Kutime, plej agrable estas ludi kun 3 aŭ eble 4 ludantoj. Antaŭ ol komenci la aventuron en la fantazia mondo ĉiu rolulo montru sian karakteron al la rakontanto kiu povas peti ke oni ŝanĝu ion se ĝi ne konvenas al la rakonto. (Ne forgesu ke la rakontanto ĉiam pravas, sed ankaŭ zorgas pri la amuzo de la aliaj.) Se aperas demando, pri kiu oni ne povas decidi, ni kutimas uzi ĵet-kubojn, kiu determinas la bonŝancon aŭ malon, kaj tio influas la rezulton. Ekzemple, se du ludantoj volas transpaŝi sur ŝnuro inter du domoj. Tio ne estas facila afero. Do, unue la rakontanto decidas kiom malfacile estas plenumi la taskon (se vi havas kubon kun 20 flankoj, la malfacileco povus esti, ekzemple, 12), poste oni rigardas ĉu la roluloj havas iun kapablon, kiu pozitive aŭ negative influas la plenumon (bona ekvilibro-sento, akrobata lerto, ktp.). Tio aldoniĝos al la rezulto. Ekzemple, se la unua rolulo estas tre lerta, tiu ricevas +3, se alia persono estas ebria (drinkejoj estas necesaj lokoj akiri gravajn informojn – kaj tio povas havi flank-efikojn!) tiu ricevas – 4. Imagu ke tiuj du ludantoj ĵetas 11 kaj 10. La lerta sukcesas kun 14, sed la dua persono defalas pro la malalta nombro: 6. La celo estas ĵeti kiel eble plej altan nombron.

Mi proponas ke se estas evidente, ke la ago ne estas ebla, serĉu alian manieron por atingi vian celon. Nun, ĝuu la bild-strion, kontaktu min se vi volas, ĉe *avren@freemail.hu* . Bonan amuzadon!

*Temo de la venonta artikolo: Proponoj por rakontantoj kiel skribi kaj gvidi rakonton*

*Karina MacGill, Hungario*

**VORTKLARIGOJ**

*kverelo:* malpaco, disputo, kunpuŝiĝo.
*eco:* kvalito, trajto.
*determini:* decidi
*ebria:* malsobra, suferanta la efikojn de alkoholo.

Vi pendas de kradoj du etaĝojn super la strato kiam vi aŭdas gardistojn proksimiĝi.

Hmm. Mi devus foriri de la fenestro. Ĉu mi povas trans-salti al alia domo?

Do... Ĵetu. Ĉu vi vidas ion sur kio vi povas teni vin.

Kvar

Kiom? En mal-lumo? Oj...

Sed tamen, ĉu mi rimarkas ion?

Hmm

Jes. Aspektas kiel elstaranta ŝtono kien vi povas salti.

Bone.

Ĵetu lertecon por la salto.

Kial mi sentas ke io ne estas en ordo?

Bonege. 19

Via salto estas perfekta, lerta kiel sciuro, sensona kiel strigo.

Mi sukcesis!

Sed ... tiam vi atingas la tute platan muron, kaj falas.

Kial? Vi diris ke estas elstaranta ŝtono.

Hm. Ĉu mi diris elstar-anta ŝtono? Interese...

Mi celis ŝton-aspektan ombron.

Tio ne estas justa.

Jes, estas. Vi ĵetis nur kvar. Per kvar en tia mallumo vi eĉ ne povas distingi inter poŝtkesto kaj elefanto!

AŬĈ!

# CECILIA

**Aŭtoro:** *Sonmy Alvarez*
**Tradukis:** *José de J Campos Pacheco*
**Permesis Kuba Infangazeto ZUNZUN**
















